XXXIV-a Jaro — N-ro 467 (13) — 15/31 Aŭgusto 1938



ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio

# La Londona Kongreso

## Ĝenerala impreso

Kongreso en Londono havas certe aspekton specialan, tute alian ol en mezgranda urbo, kie ĉiupaŝe oni renkontas verdstelumitan samideanon. Ekstere kongreso do nur rimarkiĝas en la kvartalo de l'ĉefa kunvenejo. Alia impreso de l'Londona Kongreso estis la supereco de l'partoprenintoj britaj, natura fenomeno en granda lando kun disciplinita movado. Enskribiĝis 1600 kongresanoj, impona nombro; el ili 1000 estis britoj, 600 ne-britaj anoj. Plej multe estis, post britoj la svedoj (120), ŝekvis francoj (118) kaj nederlandanoj (101).

Pli kaj pli la kongreso estas nura manifestacio por l'ekstero, kaj amuzado esperantista.

Tiu ĉi konstato, sen kritiko malbon-intenca, jam estis farita antaŭe pri pasintaj kongresoj.

Forŝovante la diskuton pri gravaj problemoj de la movado (pri kio 9/10 de l' kongresanoj ja ne interesiĝas !) la distrajoj okupas ĉefan lokon en la programo.

Alia impreso estis, ke en neniu granda kunveno oni memorigis pri la viktimoj inter esperantistoj, sekve de l' politikaj ŝanĝoj okazintaj. « Neŭtraleco » diras saĝaculoj; oni ja vidis kien kondukis tiu-ĉi absoluta neŭtraleco pli bone nomata « indiferenteco » !

Konklude : Belaj aranĝoj sufiĉa amuzado, nenia plorado publika, pro financoj, deficitoj, nesufiĉa intereso.

## La Malfermo

Solena momento en ĉiu esperantista kongreso estas ja la malfermo. Ĝin partoprenas ankaŭ la tuta anaro. La malfermo okazis en la Dominion Teatro. Kutima bildo sin prezentas al tiuj kiuj jam partoprenis kongreson.

Orgeno eksonas. Aŭdiĝas la brita himno « God save the king » stare aŭskultata. Malfermas la kongreson, S-ro Louis Bastien, prezidanto de la Internacia Esperanto-Ligo, per laŭcirkonstancaj vortoj, esprimante dankon al la gastiganta lando.

Kiel estraro de la kongreso estas proponata kaj akceptata.

Prezidanto : Fred W a d h a m.

Vicprezidantoj :

Harald Thilander.
Georges D. Buchanan.
Ernest Archdeacon.

Kongres-sekretario :

C. C. Goldsmith.

Help-sekretarioj :

F-ino Renée Rivollet.
E. W. Amos.
F-ino Eileen Goldsmith.

Parolas Sinjoro W a d h a m, kiu per simplaj vortoj (kaj en bone komprenebla lingvo. s e n la konataj anglaj specialajoj de elparolo !) Li aludas pri la nuna situacio, sentata ankaŭ en niaj vicoj kaj memoras la samideanojn nepartoprenantajn la jaran manifestadon. Li akcentas la malaperon de la organiza problemo el la diskutadoj de la kongreso kaj insistas ke UNUECO ESTAS FORTO.

Tondra aplaŭdo pruvis al la oratoro, ke liaj vortoj trafis la koron kaj komprenon de la kongresanoj.

Alparolis tiam la kongreson

Sinjoro J o h n S p e r n i

urbestro de Saint Pancras, kvartalo londona en kiu okazis la kongreso. Impresita de la facila maniero laŭ kiuj britoj parolas la lingvon, li opinias ke ankaŭ ĉinoj povos lerni, la lingvon kaj en ne malproksima estonto la uzado de internacia lingvo estas ĝenerala, je la bono de la homaro, je la profito de la paco. Li aldonas, ke li interesiĝas ĉefe pri la eduka valoro kaj li opinias ke nepre Esperanto estu enkondukata en lernejon. Konvinkita, ke Esperanto « venis por esti » li deklaras esti preta subteni la klopodojn por la enkonduko de la lingvo kaj ke oni povos bonfide sin turni al li, okaze de bezono.

Li finis sian anglan alparolon per bonven-vortoj en Esperanto. Lian paroladon resumis rapide kaj trafe la kongresa prezidanto.

Laŭ la tradicia kutimo sekvas la R e g i s t a r o j kaj oficialaj institucioj. Kiel unua, ekster la alfabeta vico salutas la kongreson

Charles P a r a v i c i n i,

Svisa ambasadoro en Britujo. Li samtempe invitas la venontan kongreson al B e r n o, svisa ĉefurbo.

Daŭrigas la vicon :

**Brazilo :** Sinjoro Caio Mello de Franco.

**Belgujo :** F-ino A. J e n n e n (por Ministro de Instruado).

**Francujo :** Sinjoro Profesoro Fréchet (en la nomo de la Eduka Ministerio).

Sinjoro D-ro Couteaux (en la nomo de la Ministro por PTT kaj Radio).

**Hispanujo :** Sinjoro Isauro Alvarez (Ministerio por Popola Edukado).

**Litovujo :** Sinjoro Liudas Alseika (Ministerio por Agrikulturo).

**Nederlando :** Sinjoro Jr. J. R. G. Isbrücker (Ministerio de Instruado).

**Norvegujo :** Sinjoro Ole B. Sletteroed.

Internaciaj Institucioj :

Nansen-komitato por rifuĝintoj : Sinjoro Arnfinn Jensson.

Nur ok registaroj bonvolis do saluti kongreson de Esperanto. Plendinda stato kaj plendinda ŝtato, kiu ne rekonas la gravecon de nia klopodado per sendo de Delegito.

Alparolas la delegitoj de la Landaj Asocioj, formantaj IEL :

**Belga :** D-ro Kempeneers.

**Brita :** W. E. Clayton.

**Ĉeĥoslovaka :** Sinjoro Heikenwälder.

Sinjoro B. Gabler (Germana Ligo)

**Dana :** S-ro D-ro Justesen.

**Franca :** Sinjoro Archdeacon.

**Jugoslava :** Sinjoro D-ro Lapenna.

**Litova :** F-ino Dvarionaite.

**Nederlanda :** Sinjoro Grolleman..

**Norvega :** F-ino Rosa Bye.

**Pola :** Sinjoro Toczyski.

**Sveda :** Sinjoro Einar Dahl.

**Svisa :** Sinjoro André Schild.

**Usona :** Sinjorino E b y.

Signifa estas, kaj ĝi memorigas la Jubilean Kongreson : La parolinto por Hispana Registaro kaj la parolintoj por la esp. organizajoj en Ĉeĥoslovaka Respubliko, ĉeĥo kaj germano, rikoltis aplaŭdegojn. Indiko tre klara kien iras la simpatioj de la esperantistoj.

Esperantistaj organizajoj :

Lingva Komitato kaj Akademio : Ĝia prezidanto.

Brita Laborista E-Asocio : Sinjoro Thompson.

Transdonis salutojn :

De aŭstraliaj esperantistoj : Sinjorino Hanks.

De bulgaraj : Sinjoro Stojan Djudjev.

De flandraj : Sinjoro Gerard De Boes.

De irlandaj : Sinjoro Pastro L. O' h'Uiginn.

De Kanado : Sinjoro E. Bengough.

De rumanaj : Sinjoro Sig. Pragano.

---

Finiĝas la alparoloj kaj alproksimiĝas la fino de la Malferma kunveno. Kelkaj klarigoj de S-roj Wadham, Oliver kaj Goldsmith, kaj eksonas kantata de ĉiuj

La E s p e r o.

## La laborkunsidoj

Ili okazis en la kongresejo, la Universitato Londona (University College), taŭga pro situo kaj pro spaco. La unua laborkunveno de IEL okazis lundon. Malfermis ĝin ĝia prezidanto Sinjoro Bastien, memorigante la mortintojn de la pasinta jaro citante plej konatajn: Sinjorino Borel, Sinjoro Holmes, Sinjorino Vatré-Baudin (iama sekretariino de ICK), Sinjoro Hamann, S-ro Briggs, D-ro Spielmann, F-ino Edith Mary Bartholomew (Letchworth), Prelato Dambrauskas, Sinjoro Quirino d'Oliveira.

Post enkonduka parolo de S-ro Bastien, ankoraŭ skizinte la strukturon de IEL, li insistas pri la neŭtraleco de nia movado, kiu ne havas politikan. religian aŭ alian celon. Resumante, li konkludas ke en IEL ekzistas la solvo de la demando pri organizo.

Solan malavantaĝon li citas : La ne-alta kotizo fiksita por la tielnomataj Asociaj Membroj aŭ kvindekcentimuloj. Li insistas, ke oni varbu aktivajn individuajn membrojn, de kies pli alta nombro dependas la bonfarto de la Ligo.

El la raporto de la ĝenerala sekretario de IEL Sinjoro Goldsmith, oni sciiĝas pri nesufiĉa aliĝado de aktivaj membroj, malgraŭ la partopreno en IEL de la plimulto de la Landaj Asocioj. Kreskis la reto de la Delegitoj (1400). Dezirinda nombro estas 2000 delegitoj kaj 4000 individuaj membroj. Ĝis fino de Junio 1938 la nombro de pagintoj (ĉiuj kategorioj kune) atingis 8776, kontraŭ 8282 je sama epoko en 1937, do kresko de 500.

Tamen tiu ĉi pluso de 500 ne sufiĉas por ekvilibri la budĝeton. Por fini ĉion sen deficito necesas 4 0 0 0 anoj individuaj. (En 1937 la ligo finis kun 2700 kaj perdo de 12000 svisaj frankoj. Red.).

Sinjoro Oliver, estrarano, kompletigas la parolojn de la ĝenerala sekretario insistante je la neceso v a r b i kaj v a r b i.

Por sukcesi, ni bezonas monon kaj ree monon. Ni havas ne nur d e f i c i t o n sed ankaŭ h i p o t e k o n, sur la domo en kiu troviĝas la Centra Oficejo. Ĝin ni volas repagi por ne plu pagi rentumon.

Sekvis diskuto pri partoj de la raporto inter ili atentigo de S-ro Teo Jung pri la ankoraŭ ekzistanta intereso por Esperanto en Germanlando.

Post tiuj signifoplenaj vortoj finiĝis la labora kunsido, espriminte la merititan dankon al la laborintoj.

***

La dua laborkunveno okazis ĵaŭdon, 4a de Aŭgusto. Ĝin superombris la subita morto de konata Ĉseh-instruistino Fraŭlino S a x l. Kiu tiom multe klopodis pri la kongreso, precipe pri la instruado de la lingvo al la aktoroj kaj kelneroj.

Oni interrompas la laborkunsidon dum unu horo, Sinjoro Bastien donas kelkajn informojn pri la malfeliĉa mortintino.

La temo de la laborkunsido estas P r o p a g a n d o. Parolas pri ĝi Sinjoro Malmgren, skizante la laboron de la Propaganda Oficejo de IEL en Stockholm. Pritraktante sinsekve diversajn fakojn de la propagando, li interrompas por ebligi diskuton kiu turnas ĉirkaŭ g a z e t s e r v o. Efika gazetservo estas tiu de la Norvega Ligo pri kio raportas Sinjoro Jensson. De 900 artikoloj aŭ notoj pri Esperanto dum jaro 1935, oni venis al 2 0 0 0 en 1937. Dumil artikoletoj, notoj, informoj en gazetaro de lando kun apenaŭ milionoj da loĝantoj estas konsiderinde. (Supozante la laboron de la gazetservo norvega kiel normon por la grandaj landoj, devis aperi ekzemple en brita gazetaro, 2 6 0 0 0 tiaj pri-esperantaj informoj. Bela, sed tute ne-ebla bedaŭrinde).

S-ro Malmgren parolante pri la varbado proponas sistemon de garanti-promeso /simila al la neĝbulsistemo/. Supozante ke en unu lando mil esperantistoj iĝos varbgarantiantoj, promesantaj ĉiu *varbi* unu esperantiston, la efiko estus grandioza. Post unu jaro, ripetiĝas la sama procedo kaj estos dumil kiuj promesas, post du jaroj 4000 kaj tiel plu.

Per la skizita sistemo, Sinjoro Malmgren volas atingi egalan kreskon de la movado en ĉiuj landoj.

La kunveno finiĝis je la 12.30 h.

***

Vendredon, (5a de Aŭg.) okazis la tria laborkunveno. Ĝi traktis la kunlaboron inter Landaj kaj Fakaj organizajoj. Parolas pri ĝi D-ro Kempeneers (Bruselo). Sekvis raporto kaj diskuto pri la Interŝtata Esperanto Akordo (Esperanto en lernejojn). — La Realiga komitate de la Jubilea Kongreso Varsovia dissendis ĝuste antaŭ la kongreso Londona, sian raporton. (Ni represigas ĝin tie ĉi : Red.).

La kunveno dankinte al la Varsovianoj voĉdonis rezolucion, laŭ kiu la klopodo estas transprenata de la Komitato de IEL kiu de nun zorgos pri la daŭrigo.

Per fajra parolo D-ro Lapenna alvokas tiam je pli forta subteno de la internacia organizajo, substrekante denove, ke nur per individuaj membroj ĝi povas vivi.

Diversaj komunikoj flanke de la ĝenerala sekretario. La kunveno finiĝis je tagmezo.

## La Ferma kunsido

Precize, je la fiksita horo, la Prezidanto S-ro Wadham malfermis la kunvenon. Ĉeestis la urbestro de St. Pancras. Pro la manko de tempo la prezidanto rezignas je parolado. Oni aŭdas tiam la diversajn raportojn de la okazintaj fakkunvenoj, inter ili : Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (T A G E), de la Blinduloj, (ĉeestis cento da blinduloj esperantistaj, belega, pruvo por la altirpovo de la lingvo) : de la Lingva Komitato, de fakkunsidoj de la aviadistoj, kooperativanoj, kristanoj, Baha-anoj.

Alvokas nun je partopreno al la kongreso en B e r n (1939) Sinjoro Walder, kiu komunikis ke jam aliĝis 1 1 1 personoj. En la kongresejo stando kun fraŭlino en svisa kostumo varbis jam por la kongreso. Do « Ĝis Berno ».

Urbestro de Sankta Pankracio, diras adiaŭan vorton al la kongresanoj. Li estas videble impresita pro la atmosfero reginta kaj certigis ke Esperanto gajnis en li sinceran amikon.

Esprimante la dankon al ĉiuj kiuj kunhelpis al la sukceso de la kongreso, Sinjoro Bastien fermis la kongreson.

(Ubikitulo).

# Interŝtata Esperanto Akordo

## Raporto de la Realiga Komitato de la Jubilea Kongreso de Esperanto, Varsovio, prezentita al la 30-a Universala Kongreso en Londono.

Plenumante la ĉefan rezolucion de la Jubilea Kongreso, ĝia Realiga Komitato dissendis al la registaroj la kongresan alvokon pri la dezirinda subskribo de akordo inter la ŝtatoj koncerne la samtempan devigan enkondukon de Esperanto en la lernejojn de pluraj ŝtatoj. En januaro 1938 la Komitato informis per cirkulero pri siaj laboroj la centrajn aŭ kvazaŭ-centrajn landajn asociojn /47/, certan nombron da plej gravaj internaciaj /27/ aŭ fakaj societoj /15/ kaj plej eminentajn esperantistojn /132/. La Komitato samtempe sendis, kiel aldonon al la cirkulera letero, kopiojn de la alvoko, tekstojn de la proponata akordo en franca lingvo kaj al la certaj naciaj asocioj ankaŭ la kopion de la speciala letero al la koncerna registaro.

Nun, en tiu ĉi raporto la Realiga Komitato de la Jubilea, kies rolo finiĝas kun la malfermo de la sekvanta 30-a Universala Kongreso, volas resumi la esencon de sia agado kaj speciale de la korespondado kun la registaroj, precipe la enhavon de la ricevitaj respondoj.

En la cirkulera letero de januaro 1938 ni skribis, ke nun, post la dissendo de la alvoko al la registaroj, la afero de la Interŝtata Esperanto Akordo pasas al la naciaj asocioj, sed ni konscias, ke tiurilata agado postulas ankaŭ unu komunan internacian centron, pro tio ni submetas la raporton pri nia ĝisnuna laboro al la Universala Kongreso de Londono, kiel nuntempe unika komuna organizaĵo, kvankam efemera, de la tutmonda esperantistaro, firme dezirante, ke ĝi decidu kia organizaĵo en estonteco koncentrigos la informojn pri tiucela agado de la esperantistaro, ĉar la agado de la naciaj asocioj sen unu centra, universala, internacia oficejo, laŭ nia opinio, ne sufiĉos por rapida kaj sukcesa realigo de la lerneja plano de la Jubilea Kongreso, kio estas ne nur nacia, sed ankaŭ internacia problemo. Tiu ĉi plano pro tio do postulas konstantan kaj kompetentan flegadon ne nur en skalo nacia sed ankaŭ internacia.

Nuna raporto havas do trioblan taskon : **unue** — koncize priskribi kion oni faris ĝis nun en skalo internacia por la realigo de la kongresa alvoko pri la deviga instruado de Esperanto;

**due** — prezenti la resumon de la respondoj de la registaroj al la citita alvoko;

**trie** — proponi al la 30-a Kongreso la skizon de projekto de unu komuna internacia centro por la realigo de la Interŝtata Esperanto-Akordo.

La Loka Kongresa Komitato de 1937, jetante kiel devizon de la Jubilea Kongreso kaj de la tuta jubilea jaro, la vortojn: « Esperanto en la Lernejojn », — samtempe indikis jam en la cirkulero N. 3 en decembro 1936 la vojon, kiu devas konduki al la realigo de tiu ĉi celo: INTERŜTATA ESPERANTO-AKORDO PRI DEVIGA INSTRUADO DE ESPERANTO EN LA LERNEJOJ, ideo proponita ekde 1920 de D-ro Antoni Czubrynski kaj parte jam post 1927 jaro realigata ĝis la ekonomia monda krizo dank'al la penado de la Internacia Centra Komitato sub la gvidado de D-ro Edmond Privat.

Tial, jam invitante la registarojn por la Varsovia Kongreso, la Loka Kongresa Komitato en la invitleteroj : **unue** — mallonge kaj esence rememorigis la problemon; **due** — sendis la proponatan tekston de l'Akordo; **trie** — citis en la invito la ŝtatojn, kiuj principe jam antaŭ la monda ekonomia krizo akceptis favore la ideon kaj ankaŭ tiujn ŝtatojn, kiuj dum la diskutado de la analogia problemo en la Ligo de Nacioj, en 1921 kaj 1922, favorigis la projekton pri la ĝenerala instruado de Esperanto en la lernejoj. Dekunu ŝtatoj sendis siajn reprezentantojn por la Varsovia Kongreso : Aŭstrujo, Belgujo, Brazilo, Bulgarujo, Estonujo, Liĥtenŝtejno, Meksiko, Nederlando, Norvegujo, Polujo, Rumanujo. Bedaŭrinde ne ĉiuj delegitoj, precipe diplomatoj, komprenadis sufiĉe nian lingvon, kaj pro tio la Realiga Komitato devis senprokraste post la Kongreso per la specialaj leteroj en franca lingvo informi ilin pri la diskutado kaj la rezolucioj de la Kongreso. Preskaŭ samtempe, ankaŭ en aŭgusto, la Realiga Komitato sendis specialajn leterojn al la reprezentantoj de kelkaj aliaj ŝtatoj, kiel Francujo, Egipto, Haitio, kiuj en siaj respondoj al la invitoj por la Kongreso, petis la raportojn pri la Kongreso. Al aliaj ŝtatoj la Realiga Komitato sendis en aŭgusto kaj septembro pere de iliaj ambasadoroj aŭ ministroj en Varsovio la alvokon de la Kongreso kun individue redaktita letero, en kiu la Komitato rememorigis, se tio estis oportuna kaj necesa, la favoran rilaton de la koncerna ŝtato al Esperanto en pasinta tempo. Ni elsendis 51 leterojn al la reprezentantoj de la sekvantaj ŝtatoj akredititaj ĉe pola registaro : Afganistano, Argentino, Aŭstrujo, Belgujo, Bolivio, Brazilo, Britujo, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo, Ĉinlando, Danlando, Dominikana Resp., Egipto, Estonujo, Finnlando, Francujo, Germanujo, Greklando, Gvatemalo, Haitio, Hispanujo, Honduraso, Hungarujo, Irano, Italujo, Jugoslavio, Kolombio, Japanujo, Kostariko, Kubo, Latvujo, Liberio, Meksiko, Monako, Nederlando, Nikaraguo, Norvegujo, Panamo, Paragvajo, Peruo, Portugalujo, Rumanujo, Salvadoro, Sovet-Unio, Svedujo, Svislando, Turkujo, Urugvajo, Usono, Vatikano, Venezuelo. Al la Ambasadoro de Granda Britujo kaj al la Ministro de Svislando, la Komitato ekspedis necesan nombron da alvokoj por la afabla trasendo por la registaroj de la britaj dominionoj kaj de la svisaj kantonoj. Al la Ĝenerala Sekretario de la Ligo de Nacioj kaj al la Direktoro de la Internacia Oficejo de Laboro la Realiga Komitato sendis speciale redaktitajn leterojn. Al pola ministro de Publika Edukado, kies delegito ricevis la tekston de la alvoko dum la ferma kunsido de la Kongreso, la Komitato sendis speciale redaktitan memorandon. Ankaŭ la Komitato ekspedis la kongresan alvokon al la Senatano-Estro de Publika Instruado en Danzigo.

Baldaŭ bonvolis certigi per la specialaj leteroj la ricevon de la alvoko 12 diplomataj reprezentantoj en Varsovio, informante ke la rezolucioj de la Kongreso estos transdonitaj de ili al la koncernaj ministerioj de iliaj landoj. Tiamaniere respondis la reprezentantoj de Granda-Britujo, Egipto, Estonujo, Germanujo, Hispanujo, Meksiko, Monako, Norvegujo, Sovet-Unio, Svedujo, Svislando, Urugvajo.

Poste la Realiga Komitato sendis la alvokon al la aliaj registaroj ne reprezentitaj en Pollando, en tiu ĉi okazo la leteroj, preskaŭ ĉiam rekomenditaj, estis ekspeditaj rekte al la ministroj de eksterlandaj aferoj aŭ al ministroj de publika klerigado. En tiu ĉi serio la leteroj estis adresitaj plej ofte kun cirkulera presita teksto al la sekvantaj ŝtatoj : Albanujo, Aŭstralio, Ĉilio, Ekvadoro, Etiopio, Filipinoj, Hedjazo, Hindujo, Irako, Irlando, Irlando Norda, Islando, Kanado, Katalunujo, Libano, Liĥtenŝtejno, Litovujo, Luksemburgo, Manĝurio, Mongolio, Nedjedo, Nepalo, Nov-Zelando, Palestino, Portoriko, San Marino, Siamo, Sirio, Suda Afriko, Transjordanio, Tuvalando, Yemeno. Ankaŭ al la registaroj de tiu grupo kontaj jam de ilia antaŭa favora rilato al Esperanto la Komitato sendis specialajn leterojn. Respondante al la leteroj, la ĉefministroj aŭ ministroj de eksterlandaj aferoj de 9 ŝtatoj de tiu grupo certigis pri la ricevo de niaj leteroj, nome : Albanujo, Aŭstralio, Egipto, Irlando, Kanado, Liĥtenŝtejno, Manĝurio, Norvegujo, Salvadoro.

La ricevatestoj de ambaŭ grupoj — de la diplomataj reprezentantoj kaj de la ministroj de eksterlandaj aferoj — informas ordinare nur, ke la demando estis transdonita al la kompetentaj ŝtataj oficejoj, plej ofte al la ministerioj de Publika Edukado, por esti ekzamenita. Kelkaj respondoj estis tre afablaj. La Afer-Ŝarĝito de Meksiko, S-ro Luciano Joublanc Rivas, en la letero de 14 septembro 1937 skribis : « Mi Vin certigas, pri mia intereso kaj mi deziras plej kompletan sukceson por Viaj laboroj ». Same Ministro de Urugvajo en Pollando S-ro Eliseo Ricardo Gomez skribis la 20-an de septembro 1937, ke li transdonis la rezolucion de la Jubilea Kongreso de Esperanto al sia registaro kaj ke li trovas « la rezolucion perfekta, konsiderante la progreson de la lingvo en diversaj fakoj. Vi povas esti certa, Sinjoro Prezidanto, — skribas Ministro Gomez — ke mi metos tutan mian bonan volon por triumfigi Vian rezolucion, mi ĝin trovas tre necesa por alproksimiĝo de ĉiuj nacioj. Pri la decido de mia registaro mi sendos al Vi koncizan raporton .»

La Ministro de Ŝtato de Kanado, informis nin pri la ricevo de la letero kaj sciigis, ke la lernejaj aferoj estas en Kanado sub kompetenteco de la provincaj ministerioj de publika klerigado /naŭ provincoj/, samtempe la Subsekretario de Ŝtato bonvolis sendi al ni la adresojn de la koncernaj ministerioj. La Realiga Komitato post la ricevo de tiu afabla respondo sendis la Kongresan Alvokon al ĉiuj provincaj ministroj de Edukado en Kanado, nome al la ministroj de Alberta, Brita Kolumbio, Manitoba, Nova Brunswick, Nova Scotia, Ontario, Prince Edward Island, Quebec, Saskatchawan. La Instru-Departemento de la lasta provinco alsendis al ni la ricev-ateston de nia letero.

La Ĉef-Ministro de Aŭstralio en la ricev-atesto de nia letero afable informis nin, ke la lokaj ministerioj de la federitaj ŝtatoj, sub kies kompetenteco troviĝas la lernejaj demandoj en Aŭstralio, estis informitaj de li pri la Kongresa Alvoko.

La respondo de la Ministerio de Publika Instruado de Belgujo / 7 aprilo 1938 N. 544C / konsideras, ke la programo de belgaj mezlernejoj, kie oni instruas 2 lingvojn antikvajn kaj 4 modernajn kun la tro komplika problemo de lingvoj en Belgujo ne permesas organizi nun la instruadon de la lingvo internacia. Same la respondo de la ministerio de Publika Instruado en Polujo sciigis nin, ke nun realigata de la registaro la reformo de la lerneja programo en Polujo, kiu estas la ĉefa zorgo de la Ministerio, malebligas la akcepton de la postuloj pri la enkonduko de Esperanto en lernejojn. Estas rimarkinde, ke eĉ tiuj du negativaj respondoj ne kontestas la praveco de la argumentoj de la Kongresa Alvoko por la enkonduko de Esperanto en la lernejojn, sed motivas la rifuzon per tro ŝarĝitaj programoj. Precipe ili ne respondas je la ĉefa deziresprimo de la Kongresa Alvoko pri aliĝo de tiuj ŝtatoj al la proponata akordo pri la estonta kolektiva, samtempa enkonduko de Esperanto en la lernejojn de pluraj ŝtatoj. Tiuj du respondoj estas do evidente rezulto de la miskompreno de la Kongresa Alvoko, kiu estis pli modera kaj modesta, ĉar ne postulis la tujan devigan enkondukon de Esperanto en la lernejojn, sed deziris nur la promeson de la registaroj fari tion en la certaj cirkonstancoj. Do ambaŭ respondoj ne devas nin senkuraĝigi, ili lasas tre larĝan kampon al la respektivaj naciaj asocioj por detala diskutado kun la ŝtataj oficejoj. Sed tiu ĉi tasko nature jam superpaŝas la rajton kaj la kompetenteco de la Realiga Komitato de la Jubilea Kongreso, nur provizora kaj ne daŭra institucio.

Ni uzis en la korespondado kun la registaroj, escepte kun la pola, nur francan lingvon, kiel tradicie diplomatan lingvon, sed la respondoj estis diverslingve redaktitaj : en franca, en angla, en germana, en rusa, en hispana kaj pro ĝentileco tri eĉ en pola. Sed unu respondo faris tiurilate speciale ĝojigan surprizon al ni : la Ministerio de Eksterlandaj Aferoj de Manĉukuo je nia franca letero alsendis la respondon en Esperanto. Same respondis ankoraŭ je unu letero de la Komitato, sed pri alia temo, brazila Ministerio de Trafiko. Tiuj simptomaj faktoj pruvas : **unue** — ke franca lingvo ne restas nun ekskluziva lingvo diplomata, kion oni scias jam delonge per aliaj faktoj, **due** — ke la ŝtataj oficejoj per tiaj diverslingvaj respondoj subkonscie kvazaŭ apogas la penadon mem de esperantistoj por unu facila lingvo vere internacia, **trie** — ke Esperanto estas jam lingvo internacia praktike en certaj okazoj uzata de kelkaj ŝtatoj, se eĉ je franclingva alvoko de la Jubilea Kongreso pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn venas ĝuste unu respondo redaktita en tiu ĉi lingvo. Tio ĉi pruvas ankaŭ, ke nia iniciato respondas al la bezonoj kaj al la evolucio de la homaro kaj ne estas tro frua !

Laŭ nia ĝisnuna korespondado, laŭ la posedataj oficialaj respondoj — ni scias, ke 36 registaroj ricevis la projekton de la Interŝtata Esperanta Akordo. Krom supre cititaj ŝtatoj ankoraŭ antaŭ la Kongreso la papa nuncio, la franca Ambasadoro; la ministroj de Danlando, de Finnlando, de Haitio, de Hungarujo, de Kolombio, de Portugalujo, de Rumanujo; la konsuloj de Kubo kaj de Paragvajo en Varsovio — informis nin, ke la projekto estis transendita de ili al iliaj registaroj. En la dokumentaro ni posedas ankaŭ la ricevatestojn de la Ĝenerala Sekretario de la Ligo de Nacioj kaj Direktoro de la Internacia Oficejo de Laboro.

Entute la Kongresa Alvoko estis sendita al 52 diplomataj reprezentantoj kaj senpere al 8 ĉefministroj, 62 ministroj de eksterlandaj aferoj, 25 ministroj de Publika Klerigado aŭ similaj estroj de landa Publika Edukado en 86 landoj preskaŭ ĉiam per rekomenditaj leteroj. En kelkaj landoj / 8/ ambaŭ interesitaj ministerioj — de eksterlandaj aferoj kaj de Publika Edukado — devis ricevi nian alvokon aŭ samtempe aŭ en mallonga intervalo unu post la alia.

---

Nature, la demando pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn povas esti teknike komplika por certaj landoj, eĉ se ekzistas ĝusta kompreno kaj bona volo de la koncerna registaro. Por ĉiuj lokoj por Esperanto en lernejoj oni devas preskaŭ ĉie ŝanĝi pli aŭ malpli programojn, oni devas trovi aŭ prepari la instruistojn, oni devas eble malgrandigi lecionojn de aliaj lingvoj kaj t.p., pro tio ni komprenas, ke la respondoj de belga kaj pola ministerioj de Publika Edukado — parolas pri nuntempa neebleco trovi lokon por la instruado de Esperanto kaŭze de tro ŝarĝita lerneja programo, sed la Kongresa Alvoko pri la subskribo de la Interŝtata Esperanto-Akordo ne postulas tujan enkondukon de Esperanto en lernejojn, ĝi parolas nur pri promeso samtempe enkonduki Esperanton se samon faros almenaŭ 6 aliaj ŝtatoj. Provizore do nur temas por ĉiu ŝtato doni tiun promeson, ni pensas, ke la landaj asocioj en iliaj detalaj memorandoj, kiel tion faris polaj samideanoj por sia ministro de Publika Edukado, kaj en sekvantaj buŝaj traktadoj klarigos al la koncernaj ministroj, la diferencon kiu ekzistas inter la proponata Akordo kaj la tuja enkonduko de Esperanto en lernejojn.

inter la donota promeso kaj la dato de la efektiva kompleta enkonduko de Esperanto en la lernejojn pasos certe almenaŭ kelkaj jaroj kaj intertempe oni povas ŝanĝi ĉiun programon kaj venki diversajn aliajn lokajn realajn obstaklojn. Nun la favoraj registaroj estas petataj nur doni la promeson. En la detalaj interparoloj kun la naciaj centroj esperantistaj — la koncerna ŝtata lerneja oficejo de ĉiu ŝtato povas detale prilabori la planon de laŭgrada realigado de la Akordo, kies efektivigo nature varios en ĉiu ŝtato laŭ la lokaj cirkonstancoj. Ni kredas, ke la naciaj societoj ĉion faros kaj eĉ rivale konkuros inter si por frue kaj serioze prilabori tiujn planojn.

La Varsovia Kongresa Komitato nur komencis la laboron por IEAk, la rezultatoj estas modestaj sed ne malesperigaj, nun oni devas entrepreni energian agadon por IEAk en ĉiuj medioj favoraj al Esperanto. Memkompreneble, ke paralele kun la agado en oficialaj sferoj antaŭ ĉio ni devas konkeri por la ideo de IEAk ĉie la publikan opinion, ĉar finfine la publika opinio decidas pri la konduto de la registaroj. Eĉ la plej kuraĝaj ministroj favoraj principe al Esperanto, eĉ la ministroj-esperantistoj, kiam ili direktas publikan edukadon, ne decidus enkonduki Esperanton en la lernejojn kontraŭ la publika opinio. Oni devas do favore influi ne nur la oficialajn kaj politikajn mediojn, sed ankaŭ la tutan publikan opinion por la ideo de la aliĝo de ĉiu lando al la Interŝtata Esperanto-Akordo. La Jarlibro de la Internacia Esperanto-Ligo por la jubilea jaro 1937 skribis pri la situacio en Nov-Zelando / paĝo 124 / : « La agado de la Nov-Zelanda Esperanto-Asocio plifaciligis dum 1936 per la ŝanĝo de la personaro de la Registaro en novembro 1935, kiam enoficiĝis Laborista Partio, kies programo entenas la jenan projekton : La universala lingvo - Esperanto - estu en la lecionaro de ŝtatlernejoj ». « La ĉefa celo de la propagando de Nov-Zelanda Esperanto-Asocio estas la enkonduko de Esperanto en la lernejojn. Tiacele la Nov-Zelanda Esp.-Asocio verkis kaj prezentis petskribon al la Ministro por Publika Edukado ». Jes, tio ĉi estis post la Pariza Konferenco pri Esperanto en la Moderna Vivo kaj post la Varsovia Jubilea Kongreso — la ĉefa celo ne nur de nov-zelandaj samideanoj, sed de la tuta esperantistaro. Por sekurigi la venkon oni devas simile al niaj samideanoj en Nov-Zelando favorigi al la proponata traktato la decidajn politikajn faktorojn en ĉiu lando, antaŭ ĉio oni devas plenakiri al la Akordo ĉie la publikan opinion, poste la registaroj sekvos la opinion. La elektita de la Jubilea Universala Kongreso vojo de IEAk, kiel vojo de la kolektiva promeso pri samtempa enkonduko de Esperanto en lernejojn de pluraj ŝtatoj, ege faciligas nian taskon, ĉar ĝi malgrandigas la riskon de ĉiu ŝtato. Antaŭe ofte kiam ni parolis kun ministroj, parlamentanoj, oficistoj de koncernaj departementoj, eĉ principe favoraj al Esperanto, pri la dezirinda deviga enkonduko de Esperanto en lenejojn, ni aŭdis jenan respondon : jes bone, sed, se ni enkondukos Esperanton, vi ne povas garantii, ke aliaj nacioj faros la samon, eble ni restos izolitaj, kiel la insulo Samos kun ĝia simila iniciativo antaŭ la milito, kaj la instruado estante sen praktikaj rezultatoj por la lernantoj fiaskos. Nun, ĝuste la proponata Akordo nuligas tiun riskon, ke unu kuraĝa ŝtato, kiu decidus instrui devige Esperanton en siaj lernejoj restus izolita kaj la lernantoj studantaj nian lingvon ne trovus poste en aliaj ŝtatoj sufiĉe larĝan sferon de samaĝuloj, kun kiuj ili povus interkompreniĝi en Esperanto.

Nia Komitato ne havis necesajn ilojn kaj rimedojn por kontroli, ĉu ĉiuj ŝtataj adresatoj ricevis niajn leterojn. Elsendante en januaro nian cirkuleran leteron N. 1458 al la naciaj asocioj, ni celis interalie ankaŭ ke la landaj asocioj kontrolu, ĉu la koncernaj registaraj oficejoj ricevis la alvokon de la Jubilea Kongreso. Ne en ĉiuj landoj, al kiuj estis adresitaj niaj leteroj kun la Kongresa Alvoko, ekzistas naciaj federacioj, eble eĉ en kelkaj, ekzotikaj landoj, esperantista movado estas reprezentata nur per izolitaj personoj kaj pro tiea loka malforteco de nia movado Esperanto ne estas ankoraŭ bone konata. Sed ĝuste pro tio ni pensis, ke estas dezirinde sendi la alvokon al ĉiuj registaroj ne nur pro senpera celo — aliĝo de la koncerna ŝtato al la proponata Akordo — sed ankaŭ pro ĝenerala propaganda celo, por ke la oficialaj medioj tiuokaze ĉie estu informitaj pri nia movado.

Ni konscias bone, ke la atmosfero de la internacia vivo ne favoras troe nuntempe nian iniciativon, ke la epoko de la lokaj militoj en du kontinentoj, ke la ekonomia postkriza periodo de diversaj limigoj, aŭtarkioj, devizaj kaj aliaj obstakloj de la internacia vivo ne helpas la disvastigadon de Esperanto nek la rapidan komprenon de la neceseco de la Interŝtata Akordo pri samtempa enkonduko de Esperanto en lernejojn de pluraj ŝtatoj. Sed ĝuste pro tio, ke la tempo ne favoras nun similan iniciativon, oni devas ĝin des pli fervore ĉie propagandi, des pli profunde studi tiun demandon, des pli kompetente kaj ĉiuflanke prepari ĝin — por povi poste, en pli favoraj cirkonstancoj, pli rapide ĝin efektivigi kaj pli grandskale, ol tion ĉi antaŭvidas nun la teksto de la Akordo, alivorte por povi samtempe enkonduki Esperanton en lernejojn ne nur en minimumo de 6 ŝtatoj, kiel diras la teksto, sed en nombro ege pli supera.

Nun ni devas konvinki la publikan opinion, ke la rapida disvastigado de Esperanto ne dependas nur de la apartaj personoj, kiuj ĝin individue studis kaj praktike uzas, sed ankaŭ grandparte de la bonvolo de tiuj ŝtatoj, kiuj per sia komuna kaj samtempa decido povas en granda grado plirapidigi la triumfon de Esperanto, do plifaciligi grandskale la internaciajn rilatojn por ĉiuj, plifaciligi la lernejajn lingvajn studojn por la novaj generacioj de la junularo kaj plilfaciligi tiamaniere la estontan multforman kunlaboron de la diversaj nacioj. La ŝtatoj povas larĝe kaj tre efike kontribui al la definitiva solvo de la problemo de lingvo internacia nun nur per ilia simpla promeso, pri kiu parolas la Akordo, kaj tiamaniere multe plimallongigi la vojon al la fina triumfo de Esperanto, kiu malgraŭ ĉiuj individuaj penadoj de ĝiaj pioniroj kaj de ĉiam pli nombraj kaj nombraj adeptoj povas ankoraŭ longe daŭri, se oni lasos la aferon nur al ĝiaj propraj ekspansivaj fortoj. Ĉiu senpartia observanto jam de longe devas konstati, ke nur Esperanto, kiel lingvo internacia, disvastiĝas kaj ke ĉiam alproksimiĝas la tempo, kiam ĝi estos, se ne tuj sola lingvo de ĉiuj internaciaj rilatoj, do almenaŭ lingvo prefere uzata en tiuj rilatoj de vastaj amasoj, kiuj havas nek tempon nek monon por longe studi kelkajn fremdajn lingvojn. La decidoj de la registaroj povas nur en granda grado proksimigi tiun momenton kaj ĉiuj, kiuj jam konas nian lingvon, pro sia simpla egoista intereso, por larĝe profiti de tiu kono, devas fervore apogi la iniciation pri IEAk. Certe, finfine Esperanto triumfos eĉ sen ia ajn decido de la registaroj, sen la proponata lerneja traktato aŭ sen aliaj similaj internaciaj interkonsentoj, Esperanto venkos fine nur pro la internaj kvalitoj, sed la Lerneja Akordo povas multe plifruigi la finan triumfon de la lingvo de Zamenhof.

Por akceli la realigon de la Akordo oni devas havi unu internacian centron. Kiam la teksto de la Akordo estis redaktita, tia centro ekzistis en nia movado, tio estis Internacia Centra Komitato en Ĝenevo. Dum la Varsovia Kongreso, kiam la solena momento mem de la Ora Jubileo de Esperanto postulis formuligon de la klara kaj simpla alvoko al la registaroj pri la instruado de Esperanto, ekzistis nur unu kvazaŭ ĝenerala organizajo por ĉiuj niaj samideanoj, nome la Jubilea Universala Kongreso, pro tio sendepende de la internaj kvereloj kaj disputoj inter la esperantistaj organizajoj, la demando pri la Lerneja Akordo estis starigita je la tagordo de la Jubilea, akceptita unuvoĉe de ĝi kaj poste ankaŭ pro la samaj motivoj konfidita al la Realiga Komitato de tiu ĉi Kongreso, nature, nur provizore, por unu jaro, ĉar la kongresaj organizajoj estas efemeraj kaj ne daŭras pli ol 2 jarojn. Ne povante ŝanĝi le tekston de la Akordo, formulitan antaŭ dek jaroj, al kiu jam aliĝis principe 3 registaroj kaj kiu depost 1927 estas jam konata de 17 registaroj, ni estis devigitaj konservi integre la tekston de 1927 nenion modifiante kaj tiu ĉi tekto antaŭvidas, ke la ŝtatoj subskribantaj la traktaton « sin devigas informi la Internacian Komitaton en Ĝenevo » pri siaj decidoj rilate la realigon de la subskribita Akordo. Antaŭ la Jubilea Kongreso kaj ĝis ĝia fermo ni esperis, ke la organiza unueco restariĝos baldaŭ inter ni kaj pro tio ni ne tuŝis tiun punkton. Post la Varsovia Kongreso provizore la Realiga Komitato funkciis kiel centro por IEAk, sed nun nia movado devas prizorgi pli firman organizon.

Por la ekstera mondo / la registaroj, la publiko opinio, la gazetaro k.t.p. / pro cititaj motivoj Ĝenevo devas resti kiel sekretaria centro, ĉar ne estis kaj ne estas dezirinde, reiniciatante la Interŝtatan Akordon pri Esperanto en Lernejoj, informi samtempe la registarojn pri niaj, internaj, ne esencaj, organizaj kvereloj kaj ŝanĝoj, kiujn niaj principaj kontraŭuloj povas trograndigi por malkreditigi nian ideon. La oficejo de U.E.A. en Ĝenevo bonvolis dum la pasinta jaro funkcii jam en certaj okazoj, malfacilaj por Varsovia Komitato, kiel ekspedejo, ni pensas, ke ĝi konsentus eĉ daŭrigi la saman servon en estonteco. Ni povas esperi, ke ankaŭ I.E.L., kiel centro kaj federacio de la landaj asocioj, afable prizorgos la antaŭenmarŝon de la Akordo kaj servos kiel motoro por naciaj asocioj, sed tio ne sufiĉus. Laŭ nia opinio, la kunlaboro inter tiuj du internaciaj organizajoj de nia neŭtrala movado sur la kampo de la Interŝtata Esperanto-Akordo estas absolute necesa tiel same, kiel ĝi estas necesa en la organizado de la Universalaj Kongresoj, pro tio ni proponas ekzameni la demandon, ĉu estas eble starigi ligilon inter ĉi tiuj du organizajoj en formo de la Konstanta Delegitaro por la aferoj de la Interŝtata Esperanto-Akordo, kiu funkcius kiel Komitato kaj Oficejo en Ĝenevo. La nombro da membroj de du kunlaborantaj organizajoj en la Delegitaro estus proporcia al nombro de membroj de du organizajoj, la elspezojn kovrus du organizajoj ankaŭ proporcie al la nombro da iliaj membroj. Eble tiu ligilo inter du organizajoj povus servi ankaŭ kiel unuiga organo eĉ por aliaj celoj de nia movado. Sed ĝia ĉefa tasko estus koncentrigi ĉiujn informojn pri la progreso de la lerneja demando kaj periode, ĝustatempe, ilin komuniki al la koncernaj lokaj kaj fakaj organizajoj. Se la landaj asocioj estas speciale vokitaj por agi ĉe la apartaj registaroj, U.E.A. estas fakte kvazaŭ akreditita agentejo de nia movado ĉe la Ligo de Nacioj. Ilia kunlaboro estas do tre dezirinda por nia movado. Pro tio ni kuraĝas fari la supran sugeston al la Kongreso kaj al la interesitaj Centraj Organizajoj.

Varsovio, la 30-an de Junio 1938.

# Nigra paĝo el mia kongreslibro

De samideano S-ro A. Lodema (Antverpeno), ni ricevis jenan tekston, kiun ni enpresas, kun iom da emocio :

« Jaŭdon.. Mi rapidas al la laborkunsido, kiam alveninte en la akceptejon, mi renkontas malnovan amikon mian, kiu abrupte diras al mi : « **Ĉu vi jam aŭdis ? F-ino Saxl hodiaŭ matene subite mortis ?** ».

Kaj efektive samideanino el Loveno, kiu loĝas en sama hotelo, kiel ŝi, rakontas al ni, mortpala, la okazintajon.

Mi aŭdis la vortojn, sed ne povas realigi ilin en mia cerbo. Larmoj enpenetras miajn okulojn. Larmoj ? De kie ili venas ? Dum kiom da jaroj mi ne ploris ? Mi foriras, vagadas ĉien tra la halo, renkontas konatajn al mi gesamideanojn. « Terure, ĉu ne ? ». Larmoj denove en miaj okuloj. Mi hontas, kaj deturnas min, mordas miajn lipojn, diras enpense : malfortikulo, ĉu vi ne pli bone povas kaŝi viajn sentojn, ĉu vi estas eksmaristo ? Ha, yia koro estas el vakso ? Mi eksidas soia en angulo kaj mi vidas nin ambaŭ, ŝin kaj min sur la boato inter den Helder kaj la insulo Texel dum la landa kongreso de LEEN, Paskon 1937 a. Oni fotografas ŝin kaj ridete ŝi ŝovas sian brakon en la mian.

La sekvintan jaron en Aŭgusto ŝi alvenis en Antverpeno, vojaĝante al Duinkerken. Kelkaj samideanoj akceptis ŝin, kun promenadis tra la arbaro kaj forlasis ŝin ĉe restoracio. Mi ne volis ke ŝi manĝu sola kaj kunmanĝis kun ŝi; poste, kune kun la teritoria sekretario kondukis ŝin ŝipen.

Ĉu tiuj estas la kaŭzoj, ke mi ne povas regi min ? Se jes, kiel mi kondutos se mia edzino, aŭ unu el miaj infanoj mortas ?

« Forigu ŝin el viaj pensoj : hodiaŭ ŝi, morgaŭ vi mem ! Sed tamen : kial ŝi... kial ŝi ? La plej bona, la plej sukces-akiriĥta Csehmetoda instruistino, kun sia eterna bonvolema rideto sur la lipoj kaj en la okuloj ? ».

Mi rifuĝas al la ripozejo kaj komencas legi la « Heroldon ». Mi vidas la vortojn, sed la signifo ne enpenetras mian kapon. Eniras du blindulinoj, gvidataj de zorgoplena fraŭlino. Estas ĉarma trio... La vidantino sidigas la nevidantinojn... Denove larmoj ? Mi mokas min pro tio. Legas la anoncojn en « Heroldo » : Samideana helpo petata. Iu serĉas rifuĝon en transmara lando. Esperantista Interhelpo N^ro^ 1 — Kiu helpos ? Esperantistino kun knabo serĉas rifuĝon. Esp. Interhelpo n^ro^ 2. — Kiu pruntos 320 dolarojn ? Samideanino serĉas rifuĝon, devas posedi 720 dolarojn por povi enirí sian novan patrolandon kaj havas nun la duonon de tiu sumo. Esp. Interhelpo n^ro^ 3. — Tajlorino tre sperta, 33-jara, pro rasa kaŭzo serĉas rifuĝon en alia lando. Esp. Interhelpo n^ro^ 4. Larmoj...

Furioze mi forjetas la gazeton, prenas la kongreslibron kaj legas : Je la 20a horo : Kongresa Balo...

Ĉu ĉeesti balon en tia animstato ? Mi kvazaŭ aŭdas la voĉon de F-ino Saxl : Ne rompu eĉ iun ajn eron de la kongresprogramo pro mi ! Certe ŝi estus dirinta tion, se la subiteco de ŝia morto ne estus malebliginta ĝin. Jes... mi ĉeestos la balon, sed mi ne dancos.

Estas la posttagmezo. Ĉu post la verkado de ĉi tiu artikolo mia animo trankviliĝas ?...

A. LODEMA.

(El Belga Esperantisto)

Pro manko de loko ceteraj raportoj pri la Kongreso aperos en venonta numero.

# ◆ EL SCIENCO KAJ TEKNIKO ◆

## Instalaĵoj

**permesantaj krei en koncernaj urbaj institutoj kuracajn kondiĉojn, similigitajn al la kondiĉoj en la montaj altaĵoj.**

**De Ignaco Mościcki**

Referajo, prelegita dum konferenco, okazinta en la Reĝa Kastelo en Varsovio la 26 an de Januaro 1934. La konferencon partoprenis, laŭ invito de la Prezidento de Pola Respubliko, reprezentantoj de l'medicina kaj fizika scienco,

Kun permeso de l'aŭtoro tradukis
Edvardo Wiesenfeld, L. K.

IV.

Estas grave, ke la eliranta el tiu kolono aero, plene saturita per malseko, posedu temperaturon relative malaltan, por ke ĝi poste, konforme plivarmigita ĝis tia temperaturo, kian oni dezirus, ne estu tro malseka. Pro tiu argumento, la aero eliranta el tiu kolono devas, depende de iaj definitaj kondiĉoj, havi pli aŭ malpli altan temperaturon. Tiu temperaturo, kiel montras ekz. la ilustrajo No. 1 estas 10°-11° C.

Por haltigi la restaĵojn de la nebulo estas antaŭvidita super la kolono rezervujo ankaŭ kun plenigaĵo.

Ni akiras tiamaniere aeron tute purigitan kaj saturitan ĉe ia dezirata malvarmig-temperaturo.

La sekvanta parto de la aparataro estas rezervujo (ensorbilo) antaŭvidita por aktivigita karbo, kiu estas faktoro perfekte absorbanta venenajn gasojn. Ĉiuj aliaj dispolvigitaj venenoj, ankaŭ certaj gasaj venenoj estus sendube haltigitaj jam en la kolono de l'malvarmigilo-kondensilo; sekve la aktivigita karbo ludus nur la rolon de kompletigilo, en okazo de eventualaj gas-atakoj.

En la epoko kiam mi faradis la eksperimentojn pri la influo de ozono je l'organismo, mi pli aŭ malpli grandan parton de la aero (por tio servis speciala klapo reguligas tralasis tra ozonilo. Ĉar la agado de ozono montriĝis malutila, la aero, dum la posta funkciado de l'aparataro, dank' al speciala reguligo de regulilo, evitadis la ozonigan instalaĵon.




*Ilustrajo 2-a: Skemo de prova aparataro por purigi la aeron* (Kopiis E.W.)

Dum sia plua vojo la aero estas fine plivarmigata ĝis la dezirata temperaturo pere de subhejtilo kun aŭtomata varmoregulilo.

Por ricevi en la ĉambro aeron de speciale dezirata temperaturo kaj konvenprocenta malsekeco, oni devas, kiel supre estis dirite, malvarmigi ĝin dum la eliro el la kondensiga turo.

Dum la vintra sezono la akvo de la varsoviaj kranoj posedas temperaturon sufiĉe malaltan, sed somere ĝia temperaturo ne ebligas ricevi en la ĉambro aeron sufiĉe sekan. Tiucele, dum tiu jarsezono oni alkondukas la kranan akvon al la malvarmigilo-kondensilo ne senpere el la tubaj kranoj, sed antaŭe artifike malvarmigitan en malvarmigujo. La plej eble malalta temperaturo estas pli utila, ĉar tio permesas je pli forta varmigado de la aero, eniranta en la kolonon, kaj je posta pli preciza ĝia purigo konsekvence de pli granda kvanto da elgutigita akvo.

Kiel ni do vidas, tio, — kion ni supre diris pri ekzistado de ebleco kreadi aeron de ia ajn dezirata temperaturo kaj malsekec-procento, — estas tute reala kaj facile atingebla.

Tio havas speciale gravan signifon dum la somera sezono, kiam ni volas enkonduki en la ĉambron aeron pli malvarman kaj tamen ne tro malsekan.

Sur la ilustraĵo 2 ni vidas skemon de aparataro, prilaboritan sur la bazo de rezultatoj de l'eksperimentoj kun prova instalaĵo, ekzistanta en ĉi Reĝa Kastelo. Principe tiu aparataro ne diferenciĝas de tiu sur la ilustraĵo No. 1, do pli vaste mi ĝin ne priskribos, mi nur turnos la atenton je du detaloj, nome: je la preparita ŝargaĵo el aktivigita karbo, kiu ĉiumomente, en okazo de gas-atako, povas esti enŝovita (absorba riglilo) en la kanalon de l'trafluanta aero. Normale ĝi estas sekurigita konven-maniere kontraŭ malsekeco. La dua afero estas la olea filtrilo, kiu pro la tre preciza funkciado de la malvarmigilo - kondensilo, povus esti forigita, kio kaŭzus malaltigon de la kosto de l'aparataro.

Post ĉi ĝenerala priparolo de l'aparataro por purigado de l'aero mi transiru al la demando pri la malsekeco de 'aero depende de diversaj temperaturoj:

TABULO 1-a.

*La aer-temperaturo (t) ĉe 55 %-a malsekeco rel. depende de tk:*

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| *ta* | °C | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 |
| *tk* | °C | 5,5 | 6,4 | 7,4 | 8,3 | 9,2 | 10,1 | 11,1 | 12,0 |

Sur ĉi tabulo 1-a estas evidentigita la dependo de la aer-temperaturo (*ta*) eniranta en la ĉambron, ĉe meza malsekeco 55 %-a, de la aer-temperaturo (*tk*) eliranta el la malvarmigilo-kondensilo. Se ekzemple ni deziras havi en la ĉambro aer-temperaturon de 15° C, do l'aer-temperaturo, eliranta el la kolono, devas havi 5,5° C, por 20° C-10°1 C k.t.p.

**(Daŭrigo sekvos)**

## La svisa karaktero

**Laŭ Ruskin**

*John Ruskin (1819-1900) artkritikisto, sociologo kaj verkisto, priskribis en sia verko « Modern Painters » la karakteron de l'svisa popolo.*

Jam oni diskutis multe pri la karaktero de la svisoj, ĉar estis malfacile por aliaj nacioj, kompreni ilian tiom simplan manieron. Oni asertis aŭ, ke ili estas supernature virtoplenaj, aŭ ke ili estas aĉaj marĉandistoj, dume ili efektive estas nek heroecaj nek aĉaj, sed simplanimaj fidelsentaj viroj, rigidaj kiel apenaŭ alia popolo. Ili ne timeme gluiĝas al la vivo, sed ankaŭ ne forĵetas ĝin facilanime. Ili ne formas al si altajn idealojn pri plibonigo en la estonto. Sed la bonon kiun ili jam akiris, ili firme tenas. Ili estas liberaj de romantika sentimentaleco, sed scias plenumi varmkore kaj fidele agantan kaj paciencan amon. Ili ne estas entuziasmuloj religiaj, sed konservas ilian kredon en pura formo, ne mortigeblan per mmonduma elmontrado kaj ne makulatan per hipokriteco. Ili ne fanfaronas per kavalira grandanimeco kaj ne faras kortuŝajn paroladojn pri homa digno kaj homa rajto; sed ili ne persekutas batitan malamikon kaj la krio de la forlasitoj kaj malsatantoj inter ili, ne mutiĝas neaŭdite.

Fieraj ili estas, sed la vanteco ne gvidas ilin al senfrukta disputaĉado. Avaraj, sed ĉiam pretaj pagi al proksimulo la obolon kiu al li apartenas: iom indiferentaj, sed energia kaj klarvida en ĉiuj problemoj de l'rajto, kaj pacienca estas la svisa popolo, kiu neniam kulpiĝis pro maldiligenteco aŭ pro timo je devo-manko aŭ pro malplenumo de ago rekonita kiel necesa.

Inter ili, kiel dirite, vi ne trovos sagacan spritaĵon nek flaman entuziasmon, sed ne-erarigeblan klaran prudenton kaj obstinan korektecon. Oni ne povas ilin persvadi je iliaj devoj, sed ili sentas ĝin instinkte; ili ne parolas pri amikeco, sed vi trovos ilin helpemaj, tiom ofte vi ilin bezonas. La pli delikataĵn problemojn de l'kredo, kiujn aliaj popoloj serĉas klarigi al si per « Logiko » aŭ per meditado, ĉi tiuj paŝtistoj solvis per ago praktika. Dume ili ne facile interesiĝis pri la reformoj de l'kredo, ili amas ĝin en la agrikulturo. Ili fervore petis la indulgencon de l' impostoj, sed ne tiun de l'pekoj; kaj dum la vendo de l'indulgenco en la preĝejo en Einsiedeln estis denuncita same fervorege kiel ĉe la pordoj de Wittenberg, la loĝantoj de l'valo Frutigen ne manĝis viandon dum sep jaroj por liberigi sin kaj la posteulojn el la suvereneco de la baronoj de Thun, per paca maniero.

## ■ Ŝako ■

Redaktoro: **Frant. Hájek, Premyslovo nábr. 398, Praha-Nusle, Ĉ. S. R.**

**N-ro 3. Fr. Friĉ, Praha (Šachovy Tzden)**



Rigardante ĉi supran pozicion, samideano opiniis:

« Mi, kiel blanko, gajnos simple per la peono h3 promociante ĝin sur h8 je la damo. » — Sed la afero montriĝis alie pro la sagaca defendo de nigro 1. h4 Ra5 2. h5 Ra4 3. h6 a5 4. h7 b4 5. h8D b5 kaj nun estas ĉiu konsilo vana, nigro ne povas ludi kaj la padon ne estas eble forigi. Kaj tamen blanko movante gajnos. Kiel oni tion faros? Bonvolu provi!

Solvo de n-ro 2: De2-d1 Ĉf5-h4 2. Dd1-h5 ktp. 1. — Ĉf5-d6 Dd1-h5 ktp. 1. — Ĉf5-h6 2. Dd1-a4 ktp.

## Filatelio

**EDUKAS** sencojn por artoj kaj sciencoj, por belo kaj bono,

**KONATIGAS** kun vivo kaj meritoj de eminentaj kreantoj de la homa historio.

**EMIGAS** sencojn por la aksiomo de la ordo, postulante, ke ĉiu nove aperinta artaĵo estu lokigita en kronologia vico tien, kien ĝi apartenas,

**GVIDAS** tra malproksimaj landoj al fremdaj nacioj kaj instrue informas pri iliaj nacia], etnografiaj kaj folkloraj vidindaĵoj,

**PERFEKTIGAS** la memoron en ĉiuj disciplinoj sciencaj, kaj memorigas gravajn historiajn okazintaĵojn,

**KOMPLETIGAS** scion kaj konon en ĉiuj fakoj de la ekzistanta vivo,

**PROKSIMIGAS** la naciojn unu al la alia per komunaj interesoj kaj elvokas progreson kaj celkonvenemon en propra evoluo en internacia konkurado,

**INSTIGAS** al valorigo kaj ŝatado de la homa laboro, grandstile entreprenata en mezuroj de fundamentaj leĝoj naturaj, paralele kun grandaj naturkreitaĵoj,

**SERENIGAS** kaj koncentrigas maltrankvilajn pensojn al programata intereso, fortigas volon por sukcesa penado,

**PREZENTAS** nobligan amuzon dispelante enuon kaj elutiligante liberan tempon.

**GARANTIAS** sendanĝeron en tempoj ekonomie necertaj konservante ekvivalentecon de la materia kaj morala valoro,

**AVERTAS** antaŭ spekulacioj profitavidaj, kiuj morale kaj materiale malutilas eksterlime.

A. Veverka.

**La venonta numero enhavos la paroladon de D-ro Edmond Privat dum la kunveno de l'kvakeroj en Londono.**

# Pri la unuecigo de la neŭtrala Esperanto-Movado

La senrezultaj diskutoj dum la Jubilea Kongreso pri la unuecigo aŭ re- unuecigo de la neŭtrala movado, ne kontentigis la esp. publikon.

Ni publikigas, el la aro de ricevitaj dokumentoj pri tiu-ĉi temo, la jenan alvokon.

Joseph W. DUBIN
*646 Westview St.*
Philadelphia, Pa.

11-an Julio 1938.

Kara Samideano :

Lasta numero de HEROLDO anoncis kaj reklamis la ĵusan kongreson de E. A. N. A. kun la titolo « Freŝa Vento el Usono ».

Efektive, freŝa Esperanto-vento nun blovas el Usono, vento kiu eble iĝos uragano. Ĉar la E. A. N. A.-kongreso faris decidojn kiuj povas konduki al enkonduko oficiala de Esp. en la oficiala vivo de la lando. Jene : leĝfara komitato devas skribi leĝproponojn por la oficiala enkonduko de Esperanto en la diversajn servojn de la nacia registaro kiuj tuŝas al la eksterlanda vivo, kaj en la lernejojn de la diversaj ŝtatoj egalpiede kun aliaj lingvoj. Sama komitato devas elpensi planojn por la kampanjo al tiuj celoj kaj organizi la agadon.

Duaflanke, E. A. N. A. decidis peti al granda mondonaca dotado en Novjorko grandan sumon por starigi Esperantajn instituciojn. Kaj ni rajtas esperi ian sukceson, ĉar ni jam ricevis de la koncerna dotado la permeson fari proponon.

Triaflanke, ni ĵus legis pri decido de Hollywood'a firmo fari Esperantofilmon. Tiu decido eble ne estas firme fiksita, kaj bezonas multajn leterojn el la tuta mondo urĝe kuraĝigante la firmon M. G. M. en Hollywood, Los Angeles, Cal., Usono, en ĝia intenco. Mi do petas la tutmondan samideanaron skribi tuj al Clarence Brown (direktoro de la firmo), c/o M.G.M. Studio, Hollywood, Cal.

La tria afero estas facila por la samideanoj, ĉar ili nur bezonas skribi leterojn multnombre. Sed la du aliaj estas malpli facilaj, ĉar ili bezonas unuecan forton en la movado. Por efektive imponi al la registaro kun nia leĝpropono, ni devas povi montri unuigitan mondmovadon. Same por imponi al la monodotado.

Tiucele E. A. N. A. adoptis rezolucion pri unueca movado, kaj pri paŝoj al ĝi. La nacia sekretario baldaŭ transdonos tiun rezolucion al la koncerna ofico. Sed intertempe mi volas proponi principan bazon, kiun la koncernaj aŭtoritatoj de la movado povas pripensi. Ĉar mi estas la proponinto kaj elpensinto de la koncerna rezolucio mi sentis mian devon elpensi tiun principan bazon.

1. Estu unueca neŭtrala organizo de la Esperanto-movado, kun centro en Ĝenevo, kie estu la Esp. biblioteko kaj la Esp. muzeo. La nomo de la organizo ne gravas.

2. La unueca organizo havu du sekciojn : unua, la sekcio de individuaj membroj (kiuj pagas individuan kotizon al la centra organizo) kaj de internaciaj fak-asocioj Esperantistaj (kiuj ankaŭ pagos kotizojn rekte al la centra organizo). Tiu unua sekcio prizorgos servojn kaj klopodojn inter la internaciaj organizoj. Dua sekcio : ligo de naciaj kaj regionaj asocioj Esperantistaj (kiuj pagos kotizojn rekte al la dua sekcio, kun sido en Londono) ; tiu sekcio organizos la klopodojn kaj servojn inter la naciaj organizoj.

3. Delegitoj, jarlibroj, oficialaj gazetoj, Esperanto-muzeo kaj biblioteko, Lingva Komitato kaj Akademio, Kongresa Komitato kaj aliaj tutmondaj Esperantistaj institucioj estu sub la apogo de ambaŭ sekcioj kaj servu al ambaŭ sekcioj. La du sekcioj elektu egalan nombron en ĉiu tia institucio, aŭ komitato.

Kompreneble mi ne kredas, ke tiuj principoj povas esti la tuta statutaro de la unueca organizo ; sed mi esperas ke sur tiu bazo oni povas trovi kontentigan regularon kiu permesos al ambaŭ nunaj organizoj labori kune sub unu flago, sen kverelo aŭ perdo de forto. Mi akceptis ĉefdelegitecon de UEA por Usono nur en la ideo labori por la reunuiĝo de la du organizoj, kaj mi ĉiam klopodas al tiu celo en E. A. N. A. Mi esperas ke miaj ideoj trovos sufiĉan aprobon inter la samideanaro por instigi niajn organizojn al la atingo de tiu celo. Kun tiu forta deziro mi skribas tiun ĉi leteron al HEROLDO kaj al ESPERANTO ambaŭ. Kaj mi atendas ke ambaŭ presigos la leteron, de maniero ke la tutmonda samideanaro povu pripensi la aferon antaŭ la Londona kongreso.

Samideane via,

(subskribite) :

Joseph W. Dubin.

Rimarko de la Redakcio :

La jena teksto estis ricevita tro malfrue, por ke ĝi povis aperi en la Julia numero de ESPERANTO. La propono de estimata samideano Dubin estas praktike nenio alia, ol tio kion volis D-ro Adam Zamenhof pasintjare en Varsovio. Ĝi estas la bazo por regrupigi la disan movadon, kiu ne nur konsistas el la kelkmiloj de la anoj de IEL kaj de UEA, **s e d** el **granda** nombro **e k s t e r** la organizo.

**Heroldo de Esperanto,** la semajna sendependa kaj oficiala gazeto de la Esperanto-Movado, publikigis artikolon titolitan UNUECO. Ni revenas pri la esenco de tiu ĉi artikolo en unu el la venontaj numeroj. Sed jam nun ni povas precizigi kelkajn punktojn :

Ne havas sencon, nek valoron difini veran aŭ imagitan moralan valoron de organizajo. Nek fiksi la kvaliton de salajrataj oficistoj. La grava demando kaj ni insistas **l a p l e j g r a v a** demando, estas la pagopovo esperantista. Ĝi estas limigita, ni ĉiuj konsentas. La konkludo estas do simpla : *Eviti* ĉiun elspezon ne-utilan. *Limigi* la agadon al la nepre necesa. Sekve *adaptiĝi* al la situacio.

Praktike tio signifas : *Eldoni* **u n u** jarlibron *konservi* **u n u** oficejon (la plej malkaran) **aranĝi** **u n u** kongreson. UEA jam deklaris plurfoje ke ĝi estas preta je aranĝo, kiu respondas al tradicio, al akiritaj rajtoj kaj al la **r e a l a** situacio.

# Universala Esperanto-Asocio

## Oficiala informilo 1938-7

**Subtenantoj 1938.**

La sekvantaj personoj bonvolis helpi nian agadon aliĝante kiel Membro-Subtenantoj :

61. S-ro Joseph Dubin, Philadelphia, Usono.
62. F-ino Eleen de B. Daly, Bordighera, Italujo.
63. S-ro Rudolfo Oristo, Milwaukee, Usono.
64. S-ro A. C. Runkel, Milwaukee, Usono.
65. S-ro Harry G. Schatz, Brooklyn, Usono.
66. S-ro Alexander Wm. Thomson, Bexleyheath, Anglujo.
67. S-ro Francisco Azorín, Valencia, Hispanujo.
68. F-ino Adéla Barešová, Praha, Ĉeĥoslovakio.
69. S-ro C. J. Baart de la Faille, Arnhem, Nederlando.
70. (Sennoma).

**Esperantista Interhelpo**

Tiu ĉi servo nun entreprenas helpi al konata samideano arestita nuntempe. Nia provo lin helpi koncentriĝas trovi rifuĝejon en lando akceptonta tiajn ekzilitojn. Koncerna samideano estas de arja deveno, verkisto kaj posedas altan kulturon.

Samideanoj cirkulere petitaj kunhelpi respondis per monsendo. Ni citas la nomojn de la bonvoluloj. La financa flanko de tiu ĉi servo estas kontrolata de lokaj membroj de UEA kaj de la kontrolisto ĉiujara de la financoj de UEA. Al la monsendintoj estas sendata laŭbezone informoj pri la progreso de l'entrepreno.

Je la peto helpi respondis per monsendo ĝis 15a de Julio, 64 personoj kun sumo de Frk. 575.

*Nomoj:*

Jakob Telling, Rotterdam ; Daniel Chagnoux, Yzeure ; Albéric Humez, Douai ; François Soubranne, Tulle ; S-ro Vernier, Romans ; Jacques Neukomm, Guérigny ; E. E. Yelland, Aspremont ; F-ino Blanche Clavier, Caluire ; Jules Dettviler, Gueugnon ; Georges Privot, Nantes ; Augustin Pialla, Villeurbanne ; Emile Borel, Lyon ; S-ino Jacob, Thonon ; Louis Cognet, Crocq ; Robert Ponty, Clermont-Ferrand ; F-ino Cécile Pral, Vaugneray ; S-ino Thérèse Julia, Céret ; Victor Vignet, Sisteron ; S-ino Marie-Louise Lanoux, Hyères ; Auguste Bavaud, Séloncourt ; Marius Betti, Vallauris ; Charles Cresp, Cannes ; Emile Gasse, Le Havre ; Matthias W. H. Henkhorst, Hengelo ; P. J. Vermaas, Rotterdam ; Cornelius J. Baart de la Faille, Arnhem ; Take Halma, Oranjedorp ; F-ino G. S. Pentermann, Rotterdam ; Francis Vérot, St-Etienne ; F-ino Erica Dietz, Strasbourg ; Charles Pierrot, Champigny ; W. M. Holzhaus, Amsterdam ; Georges Baire, Boulogne-sur-Mer ; F-ino Catherine Pannevin, Boulogne-sur-Mer ; Wilfred Chitty, Dover ; Edmond Pomérol, Boulogne-sur-Seine ; F-ino Hélène Monod, Morges ; Edmond Privat, Locarno ; S-ino Emilie Hodler-Ruch, La Sallaz ; Karl Hiltpold, Corseaux ; Georges de Plançon, Genève ; S-ro Maeder, St-Gallen ; Eduard Stettler, Bern ; A. Vonlanten, Bern ; Heinrich Lauber, Luzern ; S-ino Elisabeth Steinmann, Bern ; W. Tih. Gayfer, Cleethorpes ; S-ino L. Tissot-Martin, Basel ; Fritz M. Müller, Cortaillod ; Gottlieb Liechti, Biel ; Carlo Gila, Locarno ; René Zollinger, La Chaux-de-Fonds ; Georg Rotach, Wabern ; Justin Guerry, Genève ; Richard Huber, Luzern ; S-ino Alice Müller-Noguet, Genève ; Pierre Bovet, Genève ; F-ino Klara Biller, Schüpfen ; S-ino Montandon, La Chaux-de-Fonds ; Jules Wolf, La Chaux-de-Fonds ; F-ino Adèle-Mary Gobiet, Papendrecht ; J. D. Brakel, Rotterdam ; F-ino Augusta Lapp, Genève ; Rinaldo Borsa, Genève ; Hans Jakob, Genève.

Al ĉiuj koran dankon !

**Jarlibro 1935.** — La Centra Oficejo deziras akiri kelkajn ekzemplerojn ne ĉifonitajn de la Jarlibro 1935. Personoj kiuj ne bezonas ĝin kaj povantaj cedi estas petataj tion fari. La C.O. kompense sendos ion alian, laŭ deziro de la sendonto kaj proksimuma valoro de la jarlibro.

**Nova jaro 1939.** — La Prov. Komitato de UEA kunvenas dum Septembro kaj fiksas la agadlinion dum 1939. La Administranto submetas planon pri tio. Komence de Septembro estas dissendata al la ĉefdelegitoj, dokumentaro pri la Jarlibro 1939.

**Novaj Delegitoj**

*Hennebont* (Francujo — Morbihan). D. : Joseph MARIETTE. Gazet-korespondanto, 44, rue Vieille-Ville.

*Isafjord* (Islando) D. : Helgi HANNESSN, Instruisto, Urdarveg 6. — VD. : Gudmunder J. frà MOSDAL, Instruisto de lignogravurado, Sôltûor.

*Sain-Bel* (Francujo — Rhône) D.: F-ino J. PERRA, Instruistino.

*Saint-Etienne des Oullières* (Francujo — Rhône) D. : F-ino Juliette CARRÉ, Instruistino.

*Séloncourt* (Francujo — Doubs) D. : Auguste BAVAUD, Tornisto, 29, rue Viette.

*Thiers* (Francujo — Puy-de-Dôme) D. : Marius DESSAPT, Mekanikisto, 15, rue Grenette. — VD. : Benoît GONON, Komerc-vojaĝisto, 31, rue du Dr. Zamenhof.

*Ŝanĝoj*

*Tel-Aviv* (Palestino) D. : Abraham KRAPIWKA, Tajloro, Raschi-street, 12. (Anstataŭas la ĝisnunan Delegiton).

**Statistiko**

| | |
|---|---|
| Nombro da lokoj kun D.... je la 15 7. 38 | 434 |
| Novaj lokoj laŭ nuna listo | 6 |
| Stato 15 Aŭgusto 1938 : | 440 |







## Kiu danku ?

Preparata ĉeĥoslovaka Pedagogia Enciklopedio, volante esti kompleta kaj en ĉiuj siaj partoj fake kompilita, invitis por verko de artikoloj pri internacia lingvo spertan samideaninon. La samideanino faris bone (kaj tre verŝajne senpage) sian taskon kaj faris tiel valoran servon al la redaktoro de la Enciklopedio.

Se estas tiel, restas nekomprenebla la alvoko en n-ro 460 de *Esperanto*, ke esperantistoj danku la redaktoron.

Se tiu redaktoro atribuis al nia lingvo valoron kaj konsideris necese paroli pri ĝi en sia verko, certe tiuj dankoj iin tuŝos pli ol strange kaj povas lin instigi al ŝanĝo de sia juĝo pri nia lingvo.

Opinio de alia, malpli modesta esperantisto, konscia pri valoro de nia lingvo, estas, ke estas la redaktoro, kiu konvene danku, sed neniel kaj neniam ni.

*Malnova Esperantisto.*

# Foliumante novajn verkojn

**La Verda Koro,** facila romaneto el la vivo de Esperantistoj en Siberio por komencantoj, por daŭrigaj kursoj; de Julio Baghy : eldonis la Nederlandaj geamikoj de la aŭtoro.

Legolibroj por komencaj kaj daŭrigaj kursoj efektive ne mankas en nia literaturo, sed ne ĉiuj estas same bonaj. Unu el la plej taŭgaj nepre estas la **Verda Koro,** precipe por komencantoj ĝi estas vera juvelo. Kaj ĝin tralegante oni tuj sentas, ke sperta praktikulo verkis ĝin. Tial eĉ personoj ellernintaj la lingvon ĝin legos kun kreskanta intereso kaj bona profito. En la postparolo la verkinto mem skribas : « Mi deziris doni ne majstran verkon, sed simplan legolibron kun gradigita stilo al niaj novaj samideanoj, pri kies lingva nivelo ni, verkistoj, ĉiam forgesas en la momento de la inspiro kaj lingvokreado.. kaj fine mi volis prepari la duan ŝtupon por tiuj, kiuj iam lernis en la Ĉe-metodaj kursoj... ». Ni varme rekomendas la stile modelan kaj aparte ilustritan libron al ĉiuj, ĉu komencantaj ĉu progresintaj Esperantistoj.

**« Ni fosu nian sulkon »,** originala komedio-ŝerco en unu akto, de L. Vasiljef, eldonis Esperanto-Instituto, Kopenhago. — La komedieto unuafoje estis ludata, kun sukceso, dum la jarkunveno de Dana Esperantista Ligo en printempo 1937. Ludantoj estas kvar sinjoroj kaj du fraŭlinoj. Ĝi bone taŭgas por ludado en grupoj aŭ dum pli grandaj Esperantistaj kunvenoj. — La kajero estas havebla ĉe la nomita Instituto, Forhaabningsholms Allé 10. str. Kopenhago V.

**Nia Mondo,** lerno-libreto por infanoj, unua volumeto « La malgranda mondo », verkita de Annie Rebers, ilustrita de C. Langeberg. Eldono de la Federacio de Laboristaj Esperantistoj en la regiono de la nederlanda lingvo, Amsterdam. Prezo 0.30 ned. guld.

La plena verko konsistas el tri volumetoj, el kiuj ĝis nun nur la unua (la malgranda mondo) aperis. Kvankam la libro estas unuavice destinita al holandaj infanoj de 10- ĝis 13 jaroj, ĝi tamen estas uzebla ankaŭ por alilingvanoj.

**La Verda Stelo,** rigardata el la ekstrema Oriento, verkita de Yosikatu Sibata, esperantiĝis Kiusyoo Siraki, eldonis Nagoya Esperanto-Asocio. — La aŭtoro mem skribas pri sia libro : « Tiu ĉi verketo estas vivskribaĵo honesta de malkuraĝulo, kiu, estante jam kvindek-jara, subite fariĝis ŝparema je sia vivo kaj fariĝis plugisto ». Dum jaroj Sibata estis redaktoro de fama japana jurnalo kaj kunlaboris kun la Esperantistoj en la urbo Nagoya. Subite li decidiĝis fariĝi plugisto, forlasis la urbon kaj sian profesion kaj akiris bieneton, kie li kun sia familio fariĝis terkulturisto. Kiel tia li skribis verkon « Kial mi fariĝis plugisto ? ». Ĝi estas trafa kritiko kontraŭ la nuntempa urba vivado kaj enhavas kuraĝigajn vortojn por la junularo de la vilaĝoj. « Mi ja estas feliĉa, feliĉega, fariĝinta plugisto », ĉe la fino de la agrabla libro skribas la aŭtoro. Vere tre instrua kaj lerte tradukita verko.

**La supermono,** la solvo de la monmanko, verkita kaj eldonita de D-ro Karlo Mocsi en Cluj, Transilvanio (Rumanujo). Prezo : unu internacia respondkupono. — Sur dekkvar paĝoj la aŭtoro priskribas la difektojn kaj la nesufiĉecon de la nuntempaj monsistemoj kaj faras proponojn por forigi la monmankon per tiel nomata supermono. — Ne estante financa aŭtoritatulo, ni lasu al pli kompetentaj personoj, prijuĝi la taŭgecon de la prezentitaj proponoj. Gramatike kaj stile la broŝuro ne estas riproĉinda.

**La turo pri honoro al la Flandraj Herooj en Diksmuide,** eldono de la Sekretariejo pri Izerpilgrimado en Diksmuide, Belgujo. — Bele ilustrita kaj lerte skribita broŝureto pri la flandra militkampo kaj samtempe taŭga propagando por la flandra liberecema popolo kaj por la tuthomara sopiro : « Neniam plu milito .»

**Esperanta Radikaro kun Portugala Traduko,** de A. Couto Fernandes, Prezidanto de Brazila Ligo Esperantista. — Tre praktika vortaro por portugallingvanoj.

9 Junio 1938 J. SD.

## Kutima revo

### de Verlaine

*Mi ofte havas sonĝon kun stranga vivkolor';*
*Virino nekonata, de mi kaj al mi ama,*
*Kaj kiu ĉiufoje, nek sama, nek malsama,*
*Sin montras komprenema, kun amo kaj fervor'.*

*Ĉar nur ŝi ekkomprenas pri pen' de mia kor',*
*Divenas la problemon, ŝi, nur ŝi, ho ve ! kaj la*
*Perlantajn ŝvitogutojn, sur mia frunto pala,*
*Ŝi, nur ŝi, malvarmigi sukcesas per ekplor'.*

*Ĉu bruna ? flavruĝhara ? ĉu blonda ? mi ignoras ;*
*Nom' ŝia ? Mi nur scias, ke dolĉe ĝi sonoras,*
*Amnomo ties, kies tro frua vivekzil'.*

*Rigardo ŝia ? Sama ĉe vi, statu' marmora !*
*Kaj voĉo ? Fora, grava, kvieta kun simil'*
*Al sono ekmortanta de voĉo karmemora.*

*El la franca: G. S.*

## Niaj Mortintoj

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*

*S-ro Fred A. Hamann,* en Wauwatosa, USA, Wisconsin 2.5.1938, 60 jaraĝa.

Fervora samideano, dum kelkaj jaroj Delegito de UEA. Kreis stenografi-sistemon I S P O.

Simpatia homo kiu antaŭ jaroj vizitis la C.O. de UEA en Genève okaze de mondvojaĝo dum kiu li filmigis kelkmilojn da objektoj kaj personoj. Li partoprenis kelkajn kongresojn kaj la lastan la jubilean en Varsovio.

*S-ro William Lambert Waterman,* MA de 1920-1935 de UEA longjara Delegito por Adelaïde en Suda Australio, sindona kaj fervora kunlaborinto, 4 Februaro 1938.

*S-ino Mary O'Brien Harris* 73 jaraĝa, 19 Aprilo 1938 en Londono; iama anino de UEA n-ro 40.821.

*S-ro H. Jakimĉuk,* el Lvovo fervora ukraina esperantisto 1. VI. 38.

*F-ino Edith Mary Bartholomew* en Letchworth. DM de UEA n-ro 63. anino de l'unua jaro, 18 Marto 1938. La fratinoj Bartholomew multe klopodadis kaj multe oferis por Esperanto, en la fama ĝarden urbo Letchworth. Nun ambaŭ forpasis. unu post alia en mallonga interspaco.

*S-ro D-ro Stanislaw Nowakowski* 45 jaraĝa, en Poznan, Polujo, iama MA de UEA 34389.

*S-ro Charles Barnes,* 69 jaraĝa MS 33732 kaj Delegito de UEA en Colchester, Anglujo, 1929-1936, 15 Februaro 1938.

*S-ro Joseph Feder* lerneja direktoro, MA de UEA en Wien. [Laŭ poŝta indiko sur gazetsendajo].

*S-ino Luzia Ellersiek,* edzino de eldonisto Friedrich Ellersiek en Berlin, 25 Julio 1938, post longa malsano. Amiko Eko senindulge frapita de sorto kruela dum la lastaj jaroj nun perdis vivkunulinon, partoprenintan ĉiujn penojn. La multaj amikoj de Fried. Ellersiek inter la esperantistaro kore simpatias kun li en tiu ĉi aflikto.

*Sinjoro C. Quirino de Oliveira* brazila veterano, mortis 19 Majo en Rio de Janeiro. Kunfondis Brazilan Klubon Esperanto kaj la Brazilan Ligon. Dum kelkaj jaroj D de UEA.

*F-ino Margarete Saxl,* de Berlino, subite forpasis 3. Aŭg. 1938 dum la kongreso en Londono. Anino de UEA 36474. Forlasis Germanujon kaj serĉis rifuĝon en aliaj landoj. Instruis laŭ la Cseh metodo en Belgujo, Nederlando kaj Britujo. Elmigranta sorto, esti ĉasata de lando al lando.

*Sinjoro Pastro John H. Fazel,* en San Antonio, Texas, 25 Julio 1938 Veterano kun juna koro, 83 jaraĝa. De la komenco de UEA ĝia fidela membro n° 1605 kaj Delegito en Topeka, Kansas. Multe klopodis inter skoltoj.

*S-ino George W. Moss.* En Annapolis, Maryland, 15a de Junio 1938 86 jaraĝa. Anino de UEA de 1920-1932, n° 10219.

## Esperantista Interhelpo

### — Servo de UEA —

La Esperantista interhelpo, servo kreita de UEA, celas konsili al samideanoj suferantaj pro reganta maltoleremo, kaj helpi al ili laŭpove, starigi novan situacion en aliaj landoj.

La interhelpo laboras en kontakto kun oficialaj kaj duonoficialaj institucioj okupiĝantaj pri la sama celo. Je miloj kalkuliĝas la viktimoj de rasa kaj religia persekuto. Apud la senlaboreco, iĝanta kvazaŭ konstanta kunulo de l' socia ekonomio, stariĝas nova minaco : La perforta ekziligo de ĉiaspecaj « nedezirinduloj ».

Ne estas la tasko de nia movado plendi, plori kaj protesti pro maljusteco reganta. Ne estas eble eĉ ke ni helpu. Sed la minimumon kiun ni devas fari estas *pensi* al *tiuj* malfeliĉuloj kiuj nin ligas la samaj ideo kaj lingvo.

*Al ili ni helpu !*

La Esperantista Interhelpo okupiĝas *nur* pri personoj politike « *puraj* ». Pri samideanoj arestitaj kaj sub observo de la sekreta polico, ĝi povas okupiĝi nur post liberiĝo.

Ni nin turnas al bonvolaj samideanoj petantaj ekzameni la helpopetojn specialajn kiujn ni publikigas tie ĉi. La nomojn ni konigos al helpopretaj personoj. Diskreteco estas absolute necesa por ne malutili al la petantoj.

Por helpi al eminenta samideano, troviĝanta en aresto, nia servo dissendis petskribojn al la UEA membraro. La rezulto estas kontentiga.

Svisa DM de UEA sendis tuj cent frankojn, belega sumo en nuna tempo de ĝenerala petado helpi kaj helpi al viktimoj. Kaj el Francujo, idealisma Subtenantino de UEA sendis kvarcent Fr. fr.

La liston de la donacintoj ni publikigas sub oficiala informilo de UEA. La mono ricevata estas administrata aparte en ŝparlibreto, ĝis ĝi estas bezonata.

Ni estas feliĉaj anonci, ke por nia amiko supre menciita, ni trovis eblecon lokigi lin en alia lando. Kaj por dua samideano ekzistas la 90 % verŝajneco ke li estos akceptata en alia fora lando.

Ĉiutage venas korespondaĵoj de senesperaj homoj. Kaj vizitoj de forkurintoj, serĉantaj helpon kaj konsilon.

Nia servo dissendis la helpopetojn al la esp. gazetoj por publikigi. Ĝis nun publikigis ilin nur du.... Heroldo de Esperanto kaj la Sveda Esperanto Gazeto. Dankon al ili. Pri la ceteraj ...ni silentu.

Esperantista Interhelpo
(Universala Esperanto-Asocio)
Palais Wilson. Genève.

*Peto 1*

Eks-aŭstriano, 46-jara, aktive laborinta por la movado, serĉas rifuĝon en transmara lando, Aŭstralio, Novzelando, Ameriko. Perdis oficon pro raŝa kaŭzo; ricevas regulajn paperojn, ĉar politike ne suspektita. Konstru-inĝeniero. Laboris en gravaj firmoj plej diversaj, disponas je brilaj atestoj. Dum 9 jaroj ŝtata oficisto; studis juron; bona organizanto kaj energia. Akceptas kion ajn, estas sana, energia, senfamilia. Bona karaktero.

*Peto 2*

Hungara ŝtatanino kun knabo, parolanta krom E-on la germanan, sperta mastrumantino serĉas rifuĝon en lando ne rifuzanta viktimojn de nuna maltoleremo. Juna, sana, laborema kaj modesta. Posedas regulajn dokumentojn de origino, pasporton k. t. p. Politike ne-ŝarĝita kaj ne-suspektita

*Peto 3*

Samideano en Vieno, devigata forlasi la landon kaj posedanta ĉion necesan (permeson instaliĝi en transmara lando, pasporton k.t.p.) devas deponi kiel garantion la sumon de 720 Dolarojn. La duonon li jam kolektis. Mankas do 320 dolaroj. Li petas, ke oni pruntu al li tiun ĉi sumon, pageblan en Nederlando de kie li forveturos perŝipe. Repago poparte kun rentumo. — Informojn donas la Helpservo de UEA, al kiu la petinto estas bone konata.

*Peto 4*

Vienanino, 33 jaraĝa, tajlorino tre sperta, laborinta por unuarangaj modmagazenoj en Vieno, kun bonegaj atestoj perdis oficon pro rasa kaŭzo. Serĉas rifuĝon en alia lando scias krom sian metion la mastrumadon, escepte pezajn laborojn. Ŝatas infanojn. Parolas flue Esperanto-n kaj scias iom la francan. Posedas regulajn paperojn kaj ricevas pasporton.

*Peto 5*

Ŝtatano germana, de juda deveno kun edzino ne-juda, serĉas rifuĝon kaj laboron en transmara lando. Preferas landon, kie li povas ankaŭ labori por la movado. Komercisto, 40 jara, tre bona propagandisto, vendisto, dum multaj jaroj reprezentanto de grandaj firmoj (branĉo por malmultekostaj ornamaĵoj), fakulo ankaŭ en malgrandledaj varoj. Disponas pri bonegaj atestoj estas sana kaj energia. Akceptas kion ajn, povas veturigi aŭtomobilon. La edzino scias krom la germana kaj Esperanto, ankaŭ perfekte la anglan.

*Peto 6*

Statano germana en Vieno, 53a jaraĝa kun edzino kaj 14 jara filino, devas trovi situacion en transmara lando. Serĉanto, malnova esperantisto, distingita per arĝenta medalo de veterano, estas eksperto pri librotenado, ĵure aprobita, parolas germanan kaj hungaran lingvojn, scias sufiĉe la anglan, francan, italan, estas preta akcepti kian ajn laboron. Politike sen riproĉo, disponas je regulaj paperoj.

*Peto 7*

Ŝtata oficisto (doktoro de juro), aŭstriano, 30 jara, edziĝinta, kristana konfesio, perdis la postenon, ĉar la patro estis judo. Serĉas iun ajn okupon. Posedas krom germana kaj Esperanto, la anglan, francan, ĉeĥan lingvojn. Ricevis brilan ateston pri sia ĝisnuna laboro. Politike nesuspektita.

# Anĝelojel infero

Frank Croft skribis en « Coronet », ke ĝenerale ne estas konate, kia inferulo estas la belega cigno. Ke ĝia gracieco subkaŝas sovaĝan naturon, unuigas la perfidon de la serpento, la furiozecon de la sovaĝkato kaj la eltenemon de la dogo.

Erich Baumer, sepjara filo de Dortmunda fabrikisto, promenis kun Lisa, sia vartistino, sur la bordoj de la rivero Stever. Dum la knabo ludis en la akvo, Lisa sidis sub arbo eble sep metrojn malproksime de li. Tri cignoj alvenis de la riverturno. Erich troviĝis eĉ ne je unu metro de la bordo, en trionmetra profunda akvo. La cignoj alvenis al li, formis duoncirklon, rigardis lin fikse dum malmultaj sekundoj. Lisa maltrankviliĝis kaj alvokis, ke li revenu. Ŝi leviĝis kaj apenaŭ iris ses paŝojn, kiam la centra birdo sin jetis al Erich, tiris lian ĉemizantaŭajon per sia beko kaj tiris la infanon en pli profundan akvon. La terurita knabino ekkuris. Unu el la cignoj elvenis el la akvo renkonten al ŝi. Spite ke ŝi klopodis preterpasi la birdon, tempo estis perdita kaj la cigno posttrenis la infanon pli malproksimen. Lisa kuris kriegante por helpo. Du viroj kuris al la riverbordo, sed la tempo perdita estis fatala. Ili vidis la cignojn bategantajn la knabon. Li estis tro malproksima por esti savata. Ne estis boato proksime. Piediri estis senutile. La viroj ne povis alproksimiĝi malpli ol dudek metrojn de la murdo, kiu okazis antaŭ iliaj okuloj.

Jean Carpin biciklis en la ĉirkaŭajoj de Metz en 1925. Fluganta cigno falis sur lin el la ĉielo. Per du sovaĝaj batoj de ĝia beko en du sekundoj ĝi disrompis lian nazon kaj elpelis unu okulon. Vilaĝano alvenis kun rompita rastilo kaj bategis la birdon. Alia cigno malsuprenflugis, rompis la brakon de la vilaĝano per flugil-bato kaj jetis lin teren dum apuda vidanto prenis la rastilon de la vilaĝano, batalis kontraŭ la brutbirdo kaj mortigis ĝin.

Ankoraŭ: Antaŭ kelkaj jaroj kvar nigraj cignoj estis senditaj el Aŭstralio al la « Vintners' Co. », kiu posedas ĉiujn cignojn sur la rivero Tamizo en Anglujo. Dudek personoj apud Richmond Park vidis la kvar cignojn batali kontraŭ ses blankaj cignoj, tuj kiam la du grupoj sin vidis. Dum dudek minutoj la rivero estis kovrita je sanga ŝaŭmo. Oni aŭdis la sibladon je distanco de kvaronmejlo. La batalsurfaco estis kvazaŭ kaldrono el kiu dek tordantaj koloj eliĝis kvazaŭ frapantaj serpentoj. La venkinta blanka grupo ĉirkaŭkovris la riveron per iliaj plumoj kaj sango.

Cignoj mortigis jam sennombrajn hundojn, dronigis infanojn, atakis, serioze vundis kaj forkurigis homojn.

Vulphundo sin jetegis sur cignon en Glasgow, en Majo 1937. La virbirdo senkonsciigis la hundon per multaj batoj, tiam ĝi tenis ĝin per ĝia kolo kaj dronigis ĝin en la fluo.

En 1930 hundo batalis kontraŭ Hercules, la maljuna vircigno de la Hampstead Heath, cignolageto en Londono. Tien kaj reen sur la vojeto kaj trans la herbejo la siblanta miksamaso de felo kaj plumoj rulis. La hundo malfortiĝis. La cigno terure bategis la beston per flugiloj kaj beko ĝis ĝi estis senmova, sangokovrita, tiam ekviŝis per ĝi la vojeton kaj, interrompite de knaboj kiuj alvenis por savi la hundon, trenis la kadavron al la centro de la lageto por apliki la lastajn dronigajojn.

Dum du monatoj Hercules mortigis ok hundojn, ĝis mistera pafo dum nokto finis lian karieron.

El « Magazine Digest »
Trad. A. Wicks-Weigall.

# Mia patrino
### de Edmondo de Amicis

*Non sempre il tempo la beltà cancella*
*O la sfioran le lacrime e gli affani.*

Ne ĉiam rabas belon la tempo kruela,
Aŭ ĝin ĉagrenoj, larmoj velkigas en fino :
Jam sesdek jarojn havas kar-patrino,
Kaj kiam mi rigardas, ŝi ŝajnas pli bela,
Per ĉiu vort', rigardo, gesto aŭ rideto
Ŝi tiel dolĉe tuŝas mian koro-senton.
Ho ! se mi de pentristo posedus talenton,
Dum tutvivo mi pentrus nur ŝin sur portreto
Kiel ŝi faras klinon de vizaĝo sia,
Ke mi kisu harligon ŝian blankarĝentan
Aŭ kiel ŝi, malsana kaj laca, silentan
Sian doloron kaŝas sub ridet, radia.
Tamen, se min aŭskultus ĉiela Sinjoro
Mi ne petus penikon dian, Raffaelan,
Por kroni ŝian kapon, la mirinde belan,
Per la brilanta nimbo de l'eterna gloro.
Mi volus mian vivon ŝanĝi je alia,
Doni al ŝi viglecon de miaj junjaroj
Vidi min maljunulo, kun la grizaj haroj,
Kaj ŝin rejunigita per ofero mia.

*El itala trad.* Antani Grabowski

# Resumoj en Esperanto

Unu el la plej bonaj propagandrimedoj por Esperanto en intelektulaj rondoj konsistas en la iniciato alprenita de jam pluraj nacilingvaj fakperiodajoj : aldoni al siaj ĉefaj artikoloj pli malpli ampleksan resumon en la internacia helplingvo. Tiu ĉi diskreta kaj, pro sia reguleco, insista altrudo nesenteble sugestas al la legantoj kreskantan komprenemon pri la utileco de Esperanto kaj iom post iom vekas aktivan intereson pri ĝi — ĉefe se multobliĝos tiuj mutaj varbadoj en kiel eble plej multaj gazetoj kaj revuoj.

Alia tereno por simila agado troviĝas en la multflanka scienca faklibraro, kiu ĝis nun estis preskaŭ tute neglektita por ĉi tiu celo. Por plenigi tiun mankon ni kreis Bibliografian Servon per Esperanto, celante precipe la franclingvajn regionojn, kiu funkcias proksimume laŭ la jena principo:

Ni petas al scienca verkisto aŭ al lia eldonisto franclingvan resumon pri verko kiun li nuntempe preparas, aŭ kiu aperis antaŭ nelonge;

Tiun resumon ni zorge tradukas en Esperanton kaj, laŭ reciproka interkonsento, aŭ rekte resendas ĝin al la aŭtoro, aŭ akceptas mendon presigi ĝin ĉe unu el niaj presistoj, je la laŭnecesa libroformato. Se la libro jam estis presita, la resumoj estos gluotaj kiel aldonajo en la tutan kvanton de la restantaj, vendotaj ekzempleroj;

Ni invitas la aŭtoron sendi reczenzekzemplerojn al la ĉefaj Esperanto-periodaĵoj, kies adresojn ni tiucele konigas al li;

Dank' al la Esperanto-resumo la verko estos konigata per recenz-artikolo al la tutmonda esperantistaro. Interesitaj samideanoj konantaj aŭ ne la originallingvon de la libro facile kaj rapide povos havigi ekzempleron al si, kaj ĝi estos valora pruvo pri la praktika utilebleco de nia lingvo;

Aktivaj samideanoj el ĉiuj landoj, kiel eble spertaj en la scienca fakliteraturo, estas petataj redakti en siaj respektivaj naciaj lingvoj mallongan informon pri la koncerna libro (karakterizita per sia Esperanto-resumo !) kaj sendi ĝin, kun publikig-peto, al la tiurilataj fakrevuoj de sia lando. Per tiu rimedo la verkajo estos rapide diskonigata tra la tuta mondo, kaj la ofta mencio de Esperanto agos kiel valora propagandfaktoro por nia movado. (Noto : Estas konsilinde krei reton de konstantaj kunlaborantoj seriozaj, kaj ni petas agemajn samideanojn el ĉiuj mondpartoj sendi siajn adresojn al Servo Bibliografia Scienca per Esperanto, 11, rue Poupin, Metz-Montigny, Franclando.)

Ni sendis al la plej gravaj Parizaj eldonejoj kaj konataj francaj sciencfakaj verkistoj detalan cirkuleron pri la organizo de nia Servo, kaj ni estas ricevintaj aron da promesplenaj respondoj kaj jam plurajn mendojn por resumo-tradukoj. La unua libro, kiun ni prezentos laŭ la dirita maniero, estos la grava verko de L. Elbe : La moralkrizo antaŭ la moderna scienco.

Estus dezirinde ke en aliaj landoj, precipe en malgrandaj (komparu : « Ĉu Esperanto servas al malgrandaj popoloj? » en Heroldo n-ro 964!) ekfunkciu similaj bibliografiaj servoj kiuj, interrilatante, povus reciproke kunlaboradi kaj interkonsiliĝi.

**Esperanto helpu al la scienca faklibro, la scienca faklibro helpu al Esperanto** — jen estas nia devizo!

**Albert Lienhardt.**

P. S. — La subskribinto petas bv. sendi al li la titolojn, kun nomoj de aŭtoroj kaj adresoj de eldonistoj, de nacilingvaj verkoj kiuj estas ĝis nun publikigitaj kun resumo en Esperanto.

### La Meditanto

Hektografita gazeto pri spiritaj aferoj. Aperas 4 foje dum jaro. Abono : 3 internaciajn respondkuponojn. Provekzemplero kontraŭ 1 respond kupono. Havebla ce : Oskar Jensen, Isafjordo, Islando.

# Oriento-Okcidento

La Internacia Ligo Oriento-Okcidento, fondita en New-York en 1937 de anoj el kvindeko da diversaj landoj, kaj kiu starigis filion svisan en 1938, egale konsistantan el civitanoj de multaj landoj, kaj Konstantan Internacian Delegitaron en Genève, invitas al sia unua ĝenerala kongreso, kiu okazos en Genève, kaj kies programo konsistas el :

7-an de Septembro 1938: Akcepto de la delegitoj, membroj kaj simpatiantoj en la Salle de la Réformation, eniro Boulevard Helvétique 33 (20,30 h).

8-10 Septembro, kunvenoj en sama domo (Salle Naville).

Malfermo:

A) Bonvena parolado de la Prezidantino kaj Internacia Reprezentantino, Sitt Nour Hamada Bey, el Libano.

B) Unuminuta silento honore al la viktimoj de l' militoj kaj de l'ekonomia malordo.

C) Parolado kaj diskutado pri la sekvantaj temoj :

1) Kiel reformi la homan civilizon por ŝirmi la homaron kaj ĝian verkadon kontraŭ la detruoj de la militoj ĉiuspecaj kaj la ekonomiaj katastrofoj kaj, konsekvence, kontraŭ la reiro al barbareco, la sklaveco kaj tutdetruado?

2) Konsideroj pri la rilatoj inter Oriento kaj Okcidento kaj iliaj rezultoj.

3) Skizoj pri iniciatintoj al homa progreso en Oriento kaj Okcidento.

D) Prezento kaj diskuto pri sugestoj kaj proponoj koncernantaj :

1) la praktikan agadon entreprenotan,

2) la rezoluciojn akceptotajn,

3) la programon de la sekvontaj kongresoj.

La paroladoj estas akceptataj en ĉiuj lingvoj kaj estos tradukataj se petate.

Ni ne havas politikajn zorgojn aŭ intencojn.

Ĉiu amikoj de l' Oriento en la Okcidento kaj de l' Okcidento en la Oriento estos bonvenataj en nia kongreso kaj estas kore invitataj aliĝi kaj kunlabori laŭ eble ĉo kaj laŭ povo.

Ni estas feliĉaj konstati, ke nia movado trovas ĉie simpatiojn, kuraĝigojn kaj helpojn, tiel ke es tas permesate al ni, esperi ke nia kongreso havos partoprenantojn el multaj landoj kaj ke ni ricevos komunikojn kaj sugestojn interesajn ankaŭ de personoj, kiuj ne povas partopreni nian kongreson.

La tempo estas grava kaj postulas agadon : agadi por kreskigi la amikecon, la kunlaboradon kaj la solidarecon inter ĉiuj kontinentoj, ĉiuj nacioj, publikaj kaj privataj organizajoj kaj individuoj.

La kongreso estos feliĉa havi la perbuŝan aŭ skriban apogon de l' oficialaj organizajoj, asocioj kaj privatuloj.

# El fora Argentino

« El Pueblo », la plej grava katolika matenjurnalo sudamerika en Buenos Aires, kun granda legantaro, ne nur en la Argentina Respubliko, sed ankaŭ en la najbaraj landoj malfermis siajn paĝojn al Esperantismo.

Ekde la fondo de « Esperanto-Centro Argentina » troviĝis en la celfokuso de l' « Faktoroj » de ĝia Direktorio konstante la penado, enkonduki propagandon en la periodaĵojn legatajn de l'vasta publiko.

La diskonigado farita per gazetoj esperantistaj trafantaj la manojn de personoj jam entuziasmaj pri la lingvo de Zamenhof ne povas doni la fruktojn dezirataj por la disfluo ĉiuangulen de l'universala lingvo. Tia propagando restas ĉiam pretervidata de l'ne-esperantista publiko.

Je l'jarfino de l'Ora Jubileo de Esperanto, la sigelestro de nia Direktorio, D-o J. A. Quina Gonzalez, plenumis serion de radioparoladoj antaŭ la mikrofono de l'ĉefaj dissendstacioj en nia ĉefurbo. Nun, dank al la prezentletero de l'honora membro « E.C.A. » Sac. Prof. Agostino Stellacci, ŝipkapelano de l' « Conte Grande » kaj pioniro de Esperanto sur la maro, D-o Quina Gonzalez rendevuis kun S-ro Sanguinetti, direktoro de « El Pueblo » kaj en duonhora vizito, per frapaj argumentoj kaj pruvoj nia sigelestro scipovis varbi al Esperantismo tiun kleran gravpostenulon inklinan al ĉiuj kulturideoj noblaj kaj indaj. Tiel estiĝis la kunlaborado de D-o Quina Gonzales al la katolika gazeto sub aparta kaj ĉiusemajna fako dediĉita al Esperanto.

Per kvar brilaj artikoloj kun titolo: « Neceso de iu universala lingvo », « Provoj pri universala lingvo », « Eltrovo de l'universala lingvo » kaj « Katolika Esperantoagado ». D-o Quina Gonzales jam verkis atendatecon ĉe la publiko pri l'daŭrigo de l'Esperanto-fako esperiga je bonsukcesa urboverdigo.

En la tria artikolo, la redaktinto jam menciis merititaj laŭdaj vortoj en tridekjaran verkon de UEA, tamen ĝi fariĝos ekskluziva temo por tuta artikolo baldaŭ aperonta en la sama fako.

Nu, por subteni kaj konservi al Esperantismo la ĵusbakitan entuziasmon de l'direktoro de « El Pueblo » estos oportune ke multaj samideanoj, precipe katolikaj, pastroj kaj religiaj organizoj sendu al S-ro Sanguinetti, (direktoro de « El Pueblo » strato Piedras N-ro 567, Buenos Aires, Argentinio) poŝtkarton, aŭ leteron Esperante verkitan.

Do ni esperas ke la samideanaro multhelpos nin en ĉi grava kaj sistema propagando, la unua en Buenos Aires plenumita kun tiom da amplekso kaj zorgo, per alsendo grandnombro da danksalutoj kaj kuraĝigoj al la jurnaldirektoro, kiu kun entuziasma sindono senhezite metis la prestiĝon de sia entrepreno en la servo de Esperanto.

Same ni petas ĉiujn esperantistajn revuojn transskribi, aŭ almenaŭ ripeti nian helpvokon al sia legantaro.

Ĉiuj skribaĵoj ricevitaj estos ekspoziciataj en la halo de l'jurnalo, multyizitata kaj certe viaj poŝtkartoj, precipe tiuj el malproksimaj landoj, vekos grandan intereson kaj pugnofrapos eĉ skeptikulojn.

Informo-servo de
« Esperanto-Centro Argentina »
Buenos Aires

## Adiaŭ, Islando, kaj ĝis revido

La 13 Julio la esperantistaro de Reykjavik kunvenis por adiaŭi bulgaran samideanon, Ivan H. Krestanov. Paroladis S-ro Thorsteinsson, S-ro Thórdarsson kaj kortuŝite S-ro Krestanov. La kunveno ĉirkaŭ longa tetablo daŭris 3 horojn ĝis noktmezo, post kiu okazis komuna fotografado kaj akompano de la gasto ĝis lia hejmo. La 14 Julio vespere li helpe de S-ano Thórdarsson faris sian adiaŭan paroladon en Radio-Reykjavik kaj la 15 Julio matene per lia islanda ŝipo « Selfoss » (Foka-Akvofalo) li forlasis la ĉefurbon, ree akompanita de fidelaj geamikoj kun larmoplenaj okuloj: ili ja tiel alkutimiĝis kune, ke S-ro Krestanov promesis reveni post du jaroj. La ŝipo ĉirkaŭiris dum 6 tagnoktoj la insulegon en okcidenta-norda-orienta direkto, haltante ĉe kelkaj havenoj kaj insuloj, kie samideano estis denove salutata. Fine la 21 Julio ĝi direktiĝis suden al Aberdeen kaj de tie al Rotterdam kaj Antverpen, kie ĝi estis la 28 Julio. S-ro Krestanov traveturis Belgujon, Luksemburgon, Normandion, k. a. Kie li estis invitita paroladi.

Notinda estas, ke en Islando dum sia 7-monata restado li sukcesis disvendi 125 esp. ŝlosilojn, fondi 3 esp. societojn, instigi la fondon de du pliaj, fari multajn paroladojn kaj reveki la movadon. Li estas ŝarĝita de la ŝtata Turista Oficejo prepari la tekston de esp. gvidlibreto tra Islando. Baldaŭ oni restarigos la Irlandan Esp. Federacion.

En Antverpeno li enŝipiĝis veršajne la 15 Aŭgusto kaj per bulgara ŝipo, post 29-taga marveturado tra Gibraltaro-Malto-Konstantinoplo elŝipiĝos en Varna, por atingi Sofion fine de Septembro.

Li petas nin esprimi per niagazeto profundajn dankojn al ĉiuj gesamideanoj kiuj iamaniere faciligis kaj agrabligis lian nordvojaĝon. Tutkore li invitas ilin viziti lin en Bulgarujo, la Balkana Svislando.

Vivu Esperanto kaj la frateco inter la popoloj ! ! ! Ĝis revido en Esperantujo !

En la nomo de Islanda esperantistaro la verkisto S-ro Thórbergur Thórdarson dankis jene :

Mi deziras esprimi al nia bulgara Samideano Ivan Krestanov niajn korajn dankojn por lia veno al nia lando kaj por lia restado sur islanda tero. Mi dankas al li la grandan diskonigan laboron, kiun li faris por nia lando kaj popolo per amaso de simpatiaj jurnalartikoloj, kiuj interalie jam portis la rezultaton, ke li ricevis tien ĉi ĉirkaŭ 300 leterojn kaj poŝtkartojn el ĉiu loko de la mondo, entenantajn demandojn kaj dezirespriinojn pri alveno ĉi tien.

Mi ankaŭ dankas al li ĉion, kion li atingis tie ĉi por disvastigo de Esperanto. Kaj ne malplej mi dankas al li la personan konatiĝon, por lia fajra vigleco, la ĉiam maldormanta entuziasmo, la senfalsa koro kaj la amuza humoro. Pli veran internaciulon, pli sinceran filantropon kaj pli bonaniman kamaradon mi neniam konos dum via vivo. Koran saluton al vi, Ivan Krestanov, kaj mi esperas, ke ni povu kiel eble plej baldaŭ revidi vin alifoje inter ni.

## Sennacieca Asocio Tutmonda

### 18a Kongreso en Bruselo

En Bruselo okazis la 7-13 Aŭgusto, la 18-a S. A. T. kongreso. Granda sukceso ĝi estis. El 18 landoj, 709 aliĝoj venis dum efektive ĉeestis 659 kamaradoj el 16 landoj (Litovio-Estonio-Alĝerio kaj Maroko-Java insulo estis reprezentataj). Proksimume la duono el la ĉeestintoj estis SAT-anoj. Tre bone, je la plena kontentigo de la uzintoj, estis organizita la loĝado de la plejparte malriĉaj kongresanoj, en amasloĝejo (300 personoj) kaj en tendejo (100 personoj en 35-40 tendoj) kun ĉiuj higienaj servoj inkluzive lavejoj kun duŝoj kiun la kamaradoj multe ŝatis.

La interfratiĝa kaj la solena kunvenoj okazis en la granda « Festsalono » de la famkonata brusela « Popoldomo ».

Milpersona ĉeestantaro ĝuis la artajn prezentojn kaj la alparolojn de la reprezentantoj de la dekduo da laboristaj organizoj sindikataj kaj kooperativaj kaj politikaj, kiuj — tre karakteriza fakto — preskaŭ ĉiuj sin esprimis en nia lingvo !

Kdo P. Neergaard, Direktoro de plantopatologia laboratorio de Kopenhago, informis la kongreson pri tre gravaj antaŭenpaŝoj de esperanto inter la sciencistoj. Li konigis, ke per esperanto li sukcesis akiri, gravajn por lia fako, informojn kiuj nur estas publikigitaj en bulgara kaj en pola lingvoj. Li akcentis — per pluraj citoj de faktoj — ke en la scienca mondo esperanto paŝas al fariĝo de la diro de Samideano E. Boirac — rektoro el Dijona Universitato — « Esperanto estos la latino de la Demokratio ».

Dum la tuta kongreso, dum la laborkunsidoj, festoj kaj ekskursoj al belgaj Ardenoj, regis vera harmonia, amikeca atmosfero. La raporto de la Plenumkomitato de SAT estis unuanime, escepte de unu voĉo aprobata. Okazis fakkaj frakciaj kunvenoj. Interalie ni aŭdis pri vigla laboro de la fakoj: instruista-naturamika kaj junulgasteja-socialista kaj sennaciista frakcioj !

Per unuvoĉa aprobo oni elektis la metropolon de Danlando, Kopenhago, kiel kongresurbo 1939. Jam nun belaj perspektivoj anonciĝas por la 19a.

## Nederlanda Societo de Blindaj Esperantistoj

La duan de julio okazis la naŭa jarkunveno de Nederlanda societo de blindaj esperantistoj en Hago. Ĉeestis ĝin gemembroj el ĉiu parto de nia lando.

En sia malfermparolado la prezidanto, S-ro R. Israëls, speciale bonvenigas niajn vidantajn samideanojn S-ron Jung el Germanujo kaj S-ron Dupuis el Francujo.

El la jarraporto montriĝis, ke No. So. B. E. kreskas. Ĝia membraro nun nombras proks cent.

Kontentece ni konstatis, ke la bulteno por vidantoj, (El nia medio), montriĝis bonega propagandilo, ĉar kelkaj esperantaj gazetoj regule transprenas el ĝi komunikoj pri la blindulmovado. Plue ni eksciis, ke la vortaro de van Straaten, kiun No. So. B. E. eldonis en brailoskribo, preskaŭ pretiĝis.

La propaganda komitato aranĝis du artvesperojn, tute prizorgitajn de blinduloj. Ili estis granda sukceso.

La delegitoj konstante donis informojn pri la blindulmovado en Nederlando al eksterlandaj blindulorganizajoj, ankaŭ ili informis la nederlandan komitaton por enkonduko de Esperanto en la lernejo, pri la instruado de Esperanto al blinduloj.

El la kasista raporto montriĝis, ke la elspezoj proksimume egalis la enspezojn.

Por konigi al siaj gemembroj la belegan tutmondan brajlan revuon (Nia mondo), No. So. B. E. donis pasintjare al ĉiu duopo de sia membraro senpagan abonon, ĉar nun ĉiu konatiĝis kun la gazeto, proponis la estraro, ke estonte la membroj pagu la abonon. Tiun proponon akceptis la kunveno.

Decidiĝis, ke nia brajla bulteno (La kontakto) aperos ok fojojn en jaro.

La sekvantan jaron festos No. So. B. E. sian dekjaran jubileon, pro tio okazos la jarkunveno tiam en Amsterdam, kie fondiĝis nia organizaĵo.

S-ro Jung faris prelegon pri lasttempa esperanta literaturo, atente priaŭskultis la ĉeestantoj kaj dankis la preleginton per varma aplaŭdado.

Post la komuna panmanĝo okazis la festvespero, kiun ĉifoje prizorgis viduloj je laŭdinda maniero. Apartan mencion meritas la voĉlegado de samideano Dupuis, de li mem tradukita verko de Duhamel.

Je la deka finiĝis la kunveno pri kiu ni povas esti kontentaj.

Sekretario de No. So. B. E.
Herlaerstraat 24 A. Rotterdam

## La genia eltrovo de Henry George :

La popoloj de la mondo povas tuj ĝui la pacon, la abundecon kaj la liberecon ĝis multe pli alta grado ol iu iam revis aŭ korsopiris.

ILI NUR SUBTENU
KAJ APLIKU

**La mirinde simplan rimedon kontraŭ sociaj malbonoj :**

**Nuligu** ĉiujn impostojn sur la iloj, aĵoj kaj feroj en la konsumado, produktado, kaj interŝanĝado;

**Forigu** ĉiujn barojn, kiuj malhelpas la industrion kaj la komercon;

**Detruu** ĉiajn avidajn privatajn monopolojn;

kaj

**Prenu** kiel publikan enspezon nur la komune kreatan renton de la tero.

LERNU PRI ĈI TIU TUTE JUSTA KAJ SIMPLE EFEKTIVIGEBLA REFORMO.

LEGU LA LIBRETON :

« La Ekonomiaj Kaŭzoj de Milito kaj de Industria Malbonstato » (Ĉi tiu dokumento estis prezentita en 1927 de la Internacia Unuiĝo por Tervaloro-Impostado kaj Libera Komerco al la Tutmonda Ekonomia Kongreso, kunvenita en Genevo ĉe la Ligo de la Nacioj.)

## Oni proponas por vigligi la grupan vivon :

Mi dezirus sciiĝi de miaj Eŭropaj samideanoj ĉu ne estus eble fondi aron da grupoj el diversaj nacioj, kunigataj per rondiranta gazeto. Ĉiu grupo verkus du ĝis tripaĝan prozajon kium ĝi sendus al sekvanta grupo de la partoprenanta gruparo. Oni povus skribi pri diversaj aferoj : kutimoj, historio, folkloro, arkeologio, popolaj proverbj.

Ĉiu verkajo revenus al la sendinto, korektite de ĉiuj aliaj grupoj.

Esperantista grupo en Hennebont, p. A. J. Mariette, Delegito de UEA, 44, rue Vieille-Ville, H e n n e b o n t, Morbihan, Francujo.

## Mi likvidas

mian esp. bibliotekon. Multaj maloftajoj. Sendu vian mankoliston kaj respondkuponon al J. Grenkamp, 117 Bd Jourdan, Paris (14e).

## Medicino

D-ro Boris Nedkov, V r a t z a, Bulgario, dez. kor. pri organizo de la urba medicina servo en aliaj landoj.

## Letervespero

La Esperanto Klubo de la Hutt Valley Novzelando organizas letervesperon por la 18a de Oktobro 1938. Bonvolu sendi leterojn, poŝtkartojn al gazetojn. Geamikoj tutmondaj, skribu multnombre por kuraĝigi niajn geanojn. Respondo certa. Adreso: Hutt Valley Esperanto Klubo, 27 Queens Road, Lower Hutt, Novzelando.

## Kompleta Gramatiko de Esperanto

**Kompleta Gramatiko de Esperanto** de Fruictier-Grenkamp kaj **Oficiala vortaro de Esperanto** (esp.-a esp.-a) de Grenkamp ricevebla afrankite kontraŭ $ 1,— aŭ egalvaloro. Mendojn adresu al **J. Grenkamp, 117 Bd Jourdan, Paris (14e).** — Gvidantoj de kursoj ! Ĉe mendo de 10 kompletoj unu kompleto por vi senpaga.

## Dek diversaj esperantaj gazetoj

**Dek diversaj esperantaj gazetoj** sendataj kontraŭ du respondkuponoj ĉe J. Grenkamp, 117 Bd Jourdan, Paris (14e).

## Insignoj

Mi sendas mian stelojn al tiu, kiu sendos al mi 20 poŝtmarkojn kaj unu poŝtan respond-kuponon por la poŝt-elspezoj. Adolf Novotný, Tepere 61, p. žel. Brod (Ĉeĥoslovakio).

## Ŝercoj, anekdotoj, rakontoj

S-ro John H o y l e, 13 Finkle Street, Sowerby Bridge, Anglujo, Yorkshire, dez. kor. nur ŝercemuloj kaj rakontantoj. Interŝanĝos nur anekdotojn.

## Regno de pensoj

Spirita, senpartia revueto de ĉiuj tempoj kaj nacioj estas havebla de :

Esperanto, Internat. ul. 42, Mukaĉevo, Ĉ. R. R.

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**
**Redakcio : Genève.**
**Red.: Provizora Komitato de U E A**
Presis : Granchamp,
Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)
Dato : 15/31 Aŭgusto 1938.